# der esperantist

Mitteilungsblatt des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR

25. Jahrgang Nr. 156 (4/1989) ISSN 001 4-0619 30 Pf


## Pri la Esperanta eldono de la „Komunista Manifesto"

I

La „Manifesto de la Komunista Partio" apartenas al la plej multe tradukitaj verkoj de la politika literaturo. „Nuntempe ĝi sendube estas la plej disvastigita, la plej internacia produkto de la tuta socialisma literaturo, la komuna programo de multaj milionoj da laboristoj ĉiulandaj de Sibirio ĝis Kalifornio", skribis Engels jam en la jaro 1890.

Ĝi estas tradukita en pli ol 120 lingvojn. Aperis pli ol 1200 eldonoj.

Tiu ankaŭ hodiaŭ fascina malmultpaĝa dokumento de la komunismo, kiu „samvaloras kiel kompletaj volumoj" (Lenin), estis tradukita ankaŭ en Esperanton. Aperis du tradukoj kaj 5 eldonoj.

1. En la jaro 1908 en Chicago ĉe la eldonejo „Charles H. Kerr and Company" publikiĝis traduko de **Arthur Baker**: „Manifesto de la Komunista Partio de Karolo Marks kaj Frederiko Engels. El la Aŭtoritata Angla Traduko, Redaktita kaj Alnotita de Frederiko Engels. Tradukita Esperanten (de) Arturo Baker. Verkinto de ,The American Esperanto Book'. Redaktoro de ,Amerika Esperantisto'." La 65paĝa libreto ankaŭ entenis la anglan tradukon de Samuel Moore kun antaŭparolo kaj notoj de Friedrich Engels.

En sia anglalingva antaŭparolo, karakterizante la tutmondiĝon de la batalo inter la organizita laboristaro kaj la posedantoj de la produktadorimedoj, Baker skribis „En la disvolviĝo de tiu mondvasta batalo la internacia lingvo Esperanto devas ludi gravan rolon. Ĝuste kiel la telegrafoj, la fervojoj kaj la vaporŝipoj ebligas al la modernaj nacioj rapide decidi pri la rezulto de la milito inter la Rusa Kapitalo kaj la Japana Kapitalo, tiel Esperanto post multaj jaroj plirapidigos la rezulton de la lukto inter la Tuta Laboro kaj la Tuta Kapitalo."

La Manifeston li nomis „the **fundamento** of the great political and economic struggle" (la **fundamento** de la granda politika kaj ekonomia batalo).

La ideo de Baker, presi paralele al la Esperanta traduko la anglan version, estas tre bonvena, ĉar oni povas taksi la anglan tradukon de Moore kvazaŭ dua originalo, pro la fakto, ke Engels trarigardis, korektis kaj redaktis ĝin kaj pro tio sendube garantiis altgradan fidelecon al la de li kaj Marx verkita germana originalo.

Kiu estis Baker? Laŭ la Enciklopedio de Esperanto (L. Kökény / V. Bleier 1933, p. 37) Arthur Brooks Baker (pron. Bejkr) estis usona prelegisto kaj ĵurnalisto, naskita en 1877. Li fondis la unuan Esperanto-gazeton en Usono (La Amerika Esperantisto) kaj verkis broŝurojn kaj lernolibrojn pri Esperanto, eldonitajn en grandaj eldonkvantoj.

2. La dua provo traduki la Manifeston estas de **Emil Pfeffer.** En la volumo „Dokumentoj de Komunismo"

(Leipzig: SAT 1923, 132 p.) aperis la 48paĝa Manifesto. La aŭstro Pfeffer (naskita 1891) publikigis beletrajn kaj sciencajn tradukojn, verkis lernilojn kaj redaktis kelkajn revuojn.
En la organo de „Arbeiter-Esperanto-Bund für das deutsche Sprachgebiet" (Laborista Esperanto-Asocio por la germanlingvaj regionoj), „Der Arbeiter-Esperantist" (La Laborista Esperantisto" n-ro 11/12 1923, p. 58) ni trovas koncizan informon pri la libro el la plumo de la redaktoro Adolf Sproeck, kiu kritikis la tradukon de Pfeffer skribante, ke „la stilo ... tro multe respegulas germanan stilon, kiu tute ne povas pretendi esti internacia".
Tiu kritiko estas rimarkinda, ĉar Pfeffer starigis al si altan celon. En lia antaŭparolo ni legas: „Alpaŝante al la esperantigo de la Komunista Manifesto la Tradukanto estis gvidata de la intenco, doni al la Esperantistaro tradukon, kiu pli fidele respegulas la originalon ol la ĝis nun aperintaj tradukoj nacilingvaj. Kaj se malgraŭ la precizeco de la traduko la verko esperantigita surprizas per sia facila legebleco, tiu ĉi fakto estu konsiderata kiel plua pruvo de la mirinda taŭgeco de Esperanto por preciza redono de la scienca literaturo, kiel nova stimulo kaj firmigo por la Esperantistaj kamaradoj fervore daŭrigi sian gloran, nuntempe tiom urĝan laboron: enkonduki Esperanton en servon de l'tutmonda socialismo." (p. 5/6)

3. Aperis dua eldono en la jaro 1924, ankaŭ ĉe SAT.

4. De la unua eldono aperis post la milito du senŝanĝaj fotorepresoj en Tokio (eldonejo Nauka, 1948/49), el kiuj ni citis Pfeffer.

5. Tria eldono de la Manifesto en la traduko de Pfeffer aperis 1936 ĉe SAT (Parizo), 56paĝa broŝuro. Temas pri iom korektita represo de la unua. La korektoj koncernas i. a. anstataŭon de „kaj" per „k", kutima mallongigo en SAT-rondoj, anstataŭon de la malnova ‚proletario' per la pli moderna formo ‚proleto'. Anstataŭ ‚plejbejo' ni trovas ‚plebano', anstataŭ ‚feŭdala' ‚feŭda' k. a. Evidente la „Plena Vortaro de Esperanto", eldonita en 1930 de SAT, efikis normige. Al tiu tria eldono estis aldonita foto pri Marx (sed strange, ne de Engels). La antaŭparolo de Pfeffer mankas. Anstataŭ ĝi aperas antaŭparolo pri la signifo de la Komunista Manifesto, verkita de Lucien Laurat (pseŭdonimoj L. Lora, L. Revo). Ne estas klare, ĉu Pfeffer mem korektis la tekston aŭ ĉu tion faris Laurat.

## II

Ĉar neniu el la menciitaj Esperantaj eldonoj estas plu havebla, la iniciato de la eldonejo „Progreso" [Moskvo] reeldoni la Manifeston en Esperanta traduko, estas tre salutinda. Kompleta retraduko necesis, inter alie pro tio, ĉar Esperanto intertempe fariĝis pli ol 100 jara. Kompreneble, la lingvo de 1908, de 1923 aŭ de 1936 ne estas la sama kiel 1990. Ĝi evoluis. La kreskanta kvanto de socipolitikaj tekstoj stabiligis la ĉi-rilatan leksikon. La stilo fajniĝis.
Kiam ni akceptis la taskon traduki la manifeston, ni ne tute konsciis pri la malfacileco de la afero. La teksto laŭ enhavo estas komuna verko de Karl Marx kaj Friedrich Engels. La unuan skizon por la enhavo verŝajne liveris Engels. Sed la finan tekston verkis Marx mem. La lingvaĵo de Marx ne ĉiam estas facile komprenebla. Ĝenerale agnoskita fakto. La stilo de Engels estas pli facile komprenebla.
Ni konfesas, ke ofte ni havis malfacilaĵojn tuj kompreni la esencon de Marxaj frazoj. Kiel, do, ni procedis, klopodante liveri la trian tradukon de la Manifesto?

1. Pri diversaj dubaj punktoj ni konsultis la germanan specialiston el GDR pri la Manifesto, d-ron Wolfgang Meiser, kiu preparas la eldonon de la klasika teksto por MEGA, tio estas „Marx-Engels-Gesamtausgabe", (la kompleta Verkaro de Marx-Engels) scienca eldono kun 42 planitaj volumoj, preparata de la Instituto pri Marksismo-Leninismo ĉe la Centra Komitato de SED (Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio), kunlabore kun la Instituto pri Marksismo-Leninismo ĉe la Centra Komitato de la Komunista Partio de Soveta Unio.

2. Dum la tradukado mem ni tute ignoris la antaŭajn du Esperantajn versiojn.

3. Gravegan helpon al ni donis la angla traduko (1888) de **Samuel Moore** (1830 — 1912) kaj la franca traduko (1885) de **Laura Lafargue** (1845 — 1911). Samuel Moore, kiel tradukinto de granda parto de la „Kapitalo" de Marx kaj amiko de Marx kaj Engels, estis bonege preparita por fari adekvatan tradukon. Laura Lafargue estis la filino de Marx. Ambaŭ eldonoj ankaŭ aperis ĉe la eldonejo „Progreso". Aparte la angla traduko tre helpis, ĉar kelkaloke ĝi estas pli klara ol la germana originalo. Foje ĝi iom diverĝas de la originalo, jen ion aldonas, jen ion ellasas. Se tio estis en la intereso de la komprenebleco de la teksto, ni foje (kvankam tre malofte) sekvis la anglan tradukon.
Jen kelkaj ekzemploj:

a) En la unua alineo temas laŭ la germana originalo i. a., pri germanaj policistoj (deutsche Polizisten). En la angla traduko ni trovas „police spies" (policaj spionoj). Baker tradukis laŭ la angla versio. Pfeffer kaj ni restis ĉe la originalo.

b) En la teksto, tuj post la noto 36, mankas en la germana originalo indiko de landoj, sed ni trovas ilin en la angla traduko. Do laŭ tio la Esperanta traduko devus teksti: „Subpremita klaso dum la feŭdsinjora regado ... jen sendependa urba respubliko **(kiel en Italio kaj Germanio)**, jen tria impostodeva klaso de la monarkio **(kiel en Francio)** ...". Baker sekvas la anglan version menciante la landojn, Pfeffer kaj ni ne mencias la landojn.

c) En la unua alineo de la II-a ĉapitro ni i. a. trovas la frazon, kiu tekstas en la germana originalo: „Sie stellen keine besonderen Prinzipien auf", ni trovas en la angla versio „They do not set up any sectarian principles of their own". Pro tio ni elektis la pli klaran solvon: „Ili starigas neniujn sektecajn principojn ..." Ankaŭ jam Baker profitas de la angla versio („Ili ne starigas sektajn principojn ...") sed ne Pfeffer („Ili starigas neniajn specialajn principojn ...").

d) En la sama ĉapitro aliloke temas pri la koncepto (imago) de la burĝaro, laŭ kiu la burĝaj produktado-manieroj kaj proprieto-kondiĉoj estas eternaj leĝoj. La germana originalo: „Die interessierte Vorstellung ... teilt ihr mit allen untergegangenen herrschenden Klassen."
Pfeffer tradukis laŭvorte „La interesitan imagon ... vi dividas kun ĉiuj pereintaj regantaj klasoj", tio ne donas klaran imagon, pri kio temas. La angla traduko estas mirinde klara: „The selfish misconception ... you share with every ruling class that has preceded you" (La egoisman miskoncepton ... vi partoprenas kun ĉiu gvidanta klaso, kiu antaŭis vin). Pro tio Baker, pli kompreneble ol Pfeffer, tradukis: „La egoista malkompreno ..." Kaj ni elektis: „La egoisma koncepto ... tiun koncepton vi havas komuna kun ĉiuj aliaj malaperintaj regintaj klasoj."

e) Eĉ okazas foje, ke la angla traduko enhavas ideojn, kiuj tute mankas en la germana originalo. Engels verŝajne aldonis tion laŭ la sciokresko, akirita post la apero de la germana eldono.
Jen ekzemplo. Fine de la II-a ĉapitro aperas 10 intervenoj (Maßregeln), kiuj estu aplikotaj post la venko de la proletara revolucio. La 9-a interveno tekstas laŭ la germana originalo: „Vereinigung des Betriebs von Ackerbau und Industrie, Hinwirken auf die allmähliche Beseitigung des Unterschieds von Stadt und Land" (Kunigo de agrikulturo kun industrio, laŭgrada iom-post-ioma forigo de la diferenco inter urbo kaj vilaĝo.). En la angla versio oni aldone mencias, per kiu maniero tiu kunigo okazu, nome „by a more equable distribution of the population over the country" (per pli egala disdivido de la loĝantaro tra kam-

paro). Baker tradukis „... per pli egala disloĝigo de la popolo tra la kamparo". Tamen, nek Pfeffer nek ni aldonis tiun ideon, mankantan en la germana originalo.

f) Sed ankaŭ okazas, ke en la angla traduko mankas frazo, kiu aperas en la germana originalo. En la subĉapitro „la germana aŭ la ‚vera' socialismo" de la III-a ĉapitro, en la dua alineo pri la socialisma kaj komunisma francaj literaturoj, importita al Germanio, mankas jena frazo: „Ĝi (la importita literaturo — D. B.) devis aspekti kiel superflua spekulativo pri la realiĝo de la homa naturo."

Jen nur kelkaj problemoj, kiuj devenas el la tre stimula komparo kun la angla traduko, komparo, kiu tre helpis trovi esperebie akcepteblajn ekvivalentojn.

III

Aperis diversaj aliaj problemoj, kiujn ni devis solvi. Jen kelkaj:

1. Jam la titolo estis neklara. Baker nomas sian tradukon „Manifesto de la Komunista Partio". La titolo de la traduko de Pfeffer estas „La Komunista Manifesto". Tiu diferenco unuavide ŝajnas nekomprenebla. Ja la germana originalo el la jaro 1848 portas la titolon „Manifest der Kommunistischen Partei".. Kaj la angla traduko de 1888 nomiĝas „Manifesto of the Communist Party".

Fakte la diverslingvaj tradukoj de la Manifesto ankaŭ ne estas unuecaj. Engels en leteroj al Marx ankaŭ ofte nomis ĝin Komunista Manifesto. En kelkaj lingvoj la titolo tradukiĝis „(La) Komunista Manifesto", ekz. pola traduko de 1882 „Manifest Komunistyczny". La germana eldono de 1890, por kiu Engels verkis antaŭparolon, aperis kiel „Das Kommunistische Manifest" (La Komunista Manifesto).

Do la du titoloj evidente estis paralele uzitaj. Fakte estas eĉ pli logike nomi la dokumenton nur „La Komunista Manifesto", ĉar ne ekzistis Komunista Partio sed nur la „Ligo de Komunistoj", kiam aperis la verko. Verŝajne pro la influo de Marx la unua germana originalo portis la konatan titolon. Tiun modelon, malgraŭ ŝanceliĝoj, sekvis tamen la plej multaj tradukoj, krom la menciitaj, ekz. la franca „Manifeste du Parti communiste", la hispana „Manifesto del Partido Comunista", la itala „Il Manifesto del Partio Comunista" kaj aliaj. Pro tio ni ankaŭ sekvis la germanan originalon.

2. Al la plej konataj frazoj de la Manifesto sendube apartenas la unua:

„Ein Gespenst geht um in Europa — das Gespenst des Kommunismus."

Kaj jen problemo, kiel traduki la verbon de tiu frazo? Tre nekontentiga estas la traduko de Pfeffer: „Fantomo ĉirkaŭvagas en Eŭropo — ..." Kvankam la angla traduko estas sufiĉe klara „a spectre is haunting Europe", ankaŭ la solvo de Baker ne kontentigas: „Fantomo vizitadas Eŭropon". Pro tio ŝajnis al ni preferinde uzi la jam iom konatan neologismon „hanti" (angle haunt, france hanter) kun la ĝenerala signifo ‚ofte vizitadi, persekuti, plagi'. Ĝuste tiun signifon laŭ PIV havas ‚hanti' (p. 373): „Vizitadi (se paroli pri fantomo): ~ata domo, kastelo, (figure) tiu senco ~as lian memoron. Vidu: obsedi."

3. Malsame al la germana, la angla kaj aliaj lingvoj en Esperanto ne nur eblas distingi komunist' kaj komunism' (socialist' kaj socialism') sed ankaŭ regule formi la adjektivojn komunista/komunisma (socialista/socialisma).

Tiun distingoeblecon oni foje povas uzi. Ĝenerale la partio estas ‚komunista' aŭ ‚socialista', ĉar temas pri partio de homoj, de komunistoj/socialistoj. Sed la alstrebataj sociordoj estas la komunisma aŭ la socialisma.

4. En la germana ni havas la fremdvortojn ‚Proletarier' kaj ‚Proletariat'. En Esperanto ‚proleto/proletaro' (ankaŭ la pli malnovajn formojn ‚proletario/proletariaro'). De ambaŭ substantivoj en Esperanto eblas senprobleme derivi la adjektivojn ‚proleta/proletara', sed en la germana nur ekzistas ‚proletarisch' (proleta). Ofte en la teksto aperas la kombinoj ‚proletarische Revolution'. Se oni volas substreki la klasan enhavon, oni devus traduki ‚proletara revolucio', ĉar te-

mas pri revolucio ne nur farita kaj subtenita de proletoj, sed ankaŭ de burĝaj intelektuloj, kiel ekzemple de Marx kaj Engels. Se oni tamen volas akcenti la ĉefajn agantojn de la revolucio, oni tradukas per ‚proleta revolucio'. Do, depende de la celita senco, ni uzis ambaŭ formojn.

5. En la 3-a subĉapitro de la tria parto ni tradukis la titolon per „La kritike utopiecaj socialismo kaj komunismo". Baker tradukis „Kritika-Utopia Socialismo kaj Komunismo". Unue ŝajnas al ni necese apliki la pluralon ĉe la adjektivo, ĉar ĝi koncernas du substantivojn. Sed pli gravas la demando, ĉu elekti ‚utopia', ‚utopiista' aŭ ‚utopiisma' ‚utopieca'? Ĉar por Marx kaj Engels nek la socialismo nek la komunismo en si mem estis utopio, pro tio ni devas akcenti la utopiecon de la traktitaj sistemoj de St-Simons, Fouriers, Owens k. s. Ankaŭ en la germana originalo ni ne trovas ‚utopisch' (utopia) sed ja ‚utopistisch' (utopiista). Do Baker ne pravas kaj Pfeffer sekvas la germanan formon. Ĉar malpli gravis, ke la menciitoj estis utopiistoj, kaj multe pli substrekendas la utopieco de iliaj proponitaj socisistemaj celoj, ni elektis la tradukon ‚utopieca', kio ŝajnas al ni pli konforma.

6. Alia iom komplika problemo estas la distingo inter ‚propraĵo', ‚posedaĵo' kaj ‚proprietaĵo', fundamentaj nocioj por la marksismo. Laŭ PIV eblas, laŭ certaj kuntekstoj, uzi ilin sinonime. La germanan ‚Eigentum' kaj ‚Eigentumsverhältnisse' Pfeffer tradukis ĉiam per ‚propraĵo' kaj ‚propraĵrilatoj'. Baker uzas ‚posedeco', ‚posedaĵo', ‚propreco', ‚proprecaj rilatoj' kaj ‚propraĵo'. Por tiuj tradukoj ĉiam troviĝas nur la angla ‚property' aŭ ‚property relations'. Ni distingis inter ‚proprieto', ‚proprieto-rilatoj', kaj ‚proprietaĵo'. Ĉar por la verkintoj de la Manifesto ‚Eigentum' unuavice estis ekonomia kategorio, ni volis akcenti ĝuste tiun socian klasan rilaton, kiun spegulas la ‚proprieto'. Laŭ PIV (p. 877) ‚proprieto' estas „rajto plene uzadi, disponi kaj eĉ detrui aĵon, en la limoj de la ekzistantaj leĝoj". Al la radiko ‚propriet' rilatas la fundamente grava nocio ‚senproprietigi'. Se temis pri certa konkretiĝo de la ‚proprieto' ni uzis ‚proprietaĵo'.

7. Problemon ankaŭ prezentis la traduko de la germana „Pfahlbürger", laŭvorte ‚palisburĝo', unuavice tute ne komprenebla esprimo. Marx ne nur ne klarigas tiun nocion, li ankaŭ uzas ĝin senaverte kun diversaj signifoj. Pro tio necesis klarigo en la noto 35. Pfeffer ne distingas ambaŭ signifojn. Ĉar Moore en sia angla versio tradukis ‚Pfahlbürger' per „chartered burghers", „Philistines" kaj „petty bourgeois philistine", Baker trovis pli bonan solvon ol Pfeffer tradukante ‚enrajtigitaj burĝoj', ‚germanaj filistroj' kaj, kapitaletulaj filistroj'. Tamen ni simple uzis la laŭvortan tradukon ‚palisburĝaro' por unu signifo kaj por la alia ‚germana etburĝa filistraro' kaj ‚etburĝa filistraro'.

8. Aŭ kiel traduki [germane] ‚Lumpenproletariat', laŭvorte ‚ĉifonproletaro'?

Moore angligas tion per ‚dangerous class' kaj L. Lafargue simple transprenas la germanan vorton en la francan: lumpenprolétariat. En la hispana traduko ni trovas ‚lumpenproletariado'.

Kvankam ankaŭ en Esperantaj tekstoj jam aperis ‚lumpenproletoj' (vidu en ‚Cent tridek tri tagoj. Historia skizo de la hungarlanda proletara revolucio'. Leipzig EKRELO 1931, p. 138), ni tamen trovas la tradukon ‚ĉifonproletaro' sufiĉe elvokiva same kiel Pfeffer. Baker, laŭ la neklara angla esprimo tradukis per ‚danĝera klaso'.

9. Kaj fine sufiĉe miskompreniga estas la originalteksta esprimo ‚Weibergemeinschaft', angle ‚community of women', laŭvorte ‚virinkomuneco' (tiel ankaŭ Pfeffer). Baker tradukis ‚komuneco je virinoj' kio estas iom pli klara. Tamen, nur la kunteksto klarigas, ke temas pri „Komuna posedo pri virinoj". Do, kial ne tiel traduki?

Jen nur kelkaj el la multaj problemoj, kiujn ni alfrontis. Eble ni ne ĉie trovis kontentigan solvon. Sed, ni konsolas nin, ke multaj tradukintoj en multaj lingvoj baraktis kun similaj aŭ kun aliaj malfacilaĵoj de tiu klasika teksto de la komunista mondmovado.

**Detlev Blanke**

# La 22-a en Moskvo

Origine la 22-a Konsultiĝo de Esperanto-asocioj de socialismaj landoj devintus okazi en Tbilisi. Sed pro la eventoj en la kartvelia ĉefurbo la gastigantoj ŝanĝis la planon kaj la aranĝo okazis de la 17-a ĝis 24-a de aprilo 1989 en Moskvo, en la domo de la Unuiĝo de Societoj pri Amikeco kaj Kulturaj Ligoj kun Eksterlando (SSOD), Kalinina prospekt 14.

La ĉi-jara Konsultiĝo estis aparte interesa. Kiu ne estus scivolema, kiel fartas la Esperanto-movado en la lando de perestrojko kaj glasnosto?

Partoprenis reprezentantoj de la asocioj el Bulgario (Bulgara Esperantista Asocio), Ĉeĥoslovakio (Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Slovakia Esperanto-Asocio), GDR (Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR), Hungario (Hungara Esperanto-Asocio), Kubo (Kuba Esperanto-Asocio), Pollando (Pola Esperanto-Asocio), Vjetnamio (Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio). El Soveta Unio en la delegacio estis reprezentantoj de la nove (re-)fondita Sovetrespublikara Esperantista Unio (SEU), de la sovetia sekcio de la „Komunista Esperanto-kolektivo", de la Sovetia MEM-Sekcio, de la Fondajo de Esperantistaj Junularaj Aranĝoj kaj de la Unuiĝo de Societoj pri amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksterlando (SSOD). Krome, laŭ decido de la konsultiĝo, samrajtaj partoprenintoj ankaŭ estis ĉiuj vicprezidantoj de SEU kaj la vicprezidanto de la Litova Esperanto-Asocio.

Kiel invititaj gastoj ankaŭ partoprenis la vicprezidanto de UEA, Joŝimi Umeda (Japanio), la Ĝenerala Direktoro de UEA, Simo Milojeviĉ (Centra Oficejo de UEA, Nederlando), la prezidanto de TEJO, Jan Koszmaluk (Pollando), la prezidanto de MEM, d-ro Imre Pethes kaj reprezentanto de la Komunista Esperanto-Kolektivo, Metodi Garev (Bulgario). La delegacio de GDREA konsistis el Hans Heinel, prezidanto de GDREA, d-ro Detlev Blanke, sekretario, kaj Torsten Bendias, prezidanto de la Junulara Komisiono.

La gastigantoj certigis bonajn kondiĉojn por la multflankaj kaj duflankaj traktadoj. Oni renkontiĝis kun multaj sovetiaj esperantistoj, inter alie kun mebroj de tri Esperanto-kluboj en Moskvo. Neforgesebla fariĝis la ekskurso al la Monaĥejo Zagorsk, ĉe Moskvo.

Kiel, do, resumi la ĉefajn rezultojn de la 22-a Konsultiĝo?

1. Unu el la ĉefaj rezultoj sendube estis la pli intima konatiĝo kun la nuntempa bunta kaj dinamisme evoluanta sovetia Esperanto-movado. Ĝia profilo kun siaj tre diversaj trajtoj ankoraŭ ne finformiĝis. Ni klopodas doni superrigardon aliloke en ĉi-kajero. [Kp. p. 82 — 91]

2. La plej multaj partoprenintaj asocioj estas kolektivaj membroj de UEA, aliĝintaj landaj asocioj, almenaŭ tiuj el Bulgario, ĈSSR, GDR, Hungario, Kubo kaj Pollando. Pro tio la dialogo kun altaj funkciuloj de UEA estis tre grava. Ĉar la rilato de la menciitaj landaj asocioj al **sia** monda organizaĵo UEA estas karakterizita (kaj ŝarĝita) per jena profunda kontraŭdiro:

   La plej multaj membroj, materiaj kaj intelektaj potencoj de UEA troviĝas en la socialismaj landoj, do en tiuj landoj, en kiuj ne funkcias tiuj financpolitikaj leĝoj, laŭ kiuj UEA estas stirata. Pro tio ĝuste la plej potenca parto de UEA ne povas fruktuzi la servojn de UEA (eldonaĵoj, abonoj al la revuo „Esperanto k. s.) kaj ne povas sufiĉe kontribui al UEA (ĉar ne povante liveri valutojn). Sendube UEA ne kulpas pri tiu kontraŭdiro. Ĝi estas reflekto de la tutmonda situacio. Tamen, tute evidente, la centraj instancoj de UEA (Estraro kaj Komitato, Centra Oficejo) ne sufiĉe klopodas venki aŭ almenaŭ mildigi la negativajn sekvojn de la menciita problemo.

3. Estis bonvena okazo interŝanĝi opiniojn pri la nove elektota Estraro de UEA, dum la 73-a UK en Brajtono.

Kiam la leganto legos tiujn liniojn, UEA jam havos novan Estraron. Ni esperu, ke la nova Estraro laboros efike kaj sukcese.

4. Forta debato okazis pri la „Komunista Esperanto-Kolektivo" (KEK). KEK fondiĝis antaŭ kelkaj jaroj en Aŭstrio kaj sin komprenas posteulo kaj daŭriganto de Internacio de Proletaj Esperantistoj (IPE). En ĉiuj landoj, laŭ la KEK-anoj, kreiĝu KEK-sekcioj, kiuj laŭ centraj decidoj laboru. IPE estis tre meritplena, sed malfacile (pro la cirkonstancoj) baraktinta proleta esperantista organizaĵo. La historiaj cirkonstancoj, sub kiuj kreiĝis IPE, estis komplete aliaj ol la nunaj. Pro tio, daŭrigo de IPE en iu ajn formo, kvazaŭ refondo de la III-a Komunista Internacio ene de la Esperanto-movado, ne nur estas erara, sed rekte malutila.
   En la nuna tempo oni devas eviti ĉion, kio disigas, izolas la esperantistojn. Kontraŭe, oni unuiĝu por fortigi la agadon de UEA, TEJO kaj MEM, oni kontribuu per Esperanto al dialogo por pli paca mondo. La spirito de la KEK-materialoj kaj la elpaŝo de la sovetia kaj bulgara reprezentantoj de KEK tro forte memorigis pri forpasintaj historiaj tempoj. Ĉio ĉi havas nenion komunan kun la „Nova Penso", penso orientita al dialogo kun diversideologiaj homoj kun bona volo. Dum la konsultiĝo diversaj reprezentantoj substrekis, ke la celoj de KEK rekte kontraŭas al la statutoj de siaj landaj asocioj. Aliflanke, kaj ankaŭ tion oni devas forte substreki, la aktivuloj de KEK estas honestaj komunistoj, kiuj sendube ardas por la komunistaj ideoj. Tamen, **vera** komunisto komprenas, ke la **nuna mondo** kun siaj **nunaj** danĝeroj kaj problemoj postulas unuavice la unuiĝon de ĉiuj fortoj por forigi la militdanĝeron, por atingi malarmadon, por certigi pacon. Sed tion oni ne atingos per facile produkteblaj ĝeneralaj sloganoj.

5. Ankaŭ pri la estinteco de MEM okazis forta kaj polemika debato. En la ŝanĝiĝanta mondo ankaŭ ŝanĝiĝis la pacmovado. Ankaŭ MEM devas draste ŝanĝi sian agadmanieron. Kaj tio ne estas facila. Aparte substrekendas, ke MEM ne estas afero de la socialismaj landoj. La pacmovado estas multflanka, bunta, diverstendenca, tutmonda. Tamen, la diskutintaj landaj asocioj ĉiam aktive partoprenis la laboron de MEM kaj pro tio sentas certan moralan devon esprimi sin kaj helpi. Gravas nun novaj ideoj kaj laborpretaj homoj.

6. Dum la konsultiĝo sovetiaj ekologoj informis pri la ekologia movado lige al Esperanto, kiu estas surprize efika. Kreskis la konscio, ke necesas pli aktive agi kaj kunlabori en tiu sfero.

7. La reprezentanto de la sovetia eldonejo Progreso, Igor Zajtcev, havis la eblecon prezenti la planojn de la eldonejo publikigi esperantlingvajn verkojn. (Pri tio vidu la intervjuon kun Aleksandro Ŝevĉenko en ĉi-kajero).

8. La kuba reprezentanto Alberto Fernandez Callienes informis pri la preparlaboroj por la 75-a Universala Kongreso 1990 en Havano. La kongresa temo estos „Esperanto — evoluo — kultura diverseco".

9. Por pli forte stimuli la interlingvistikan agadon en kaj ekster la socialismaj landoj la konsultiĝo fondis „Internacian Kunordigan Komitaton de Interlingvistoj" (IKKI), pri kiu oni povas legi sur paĝo 81.
   Kompreneble, la multaj kontaktoj inter la delegacioj, kun la reprezentantoj de UEA, TEJO kaj MEM, kun la sovetiaj esperantistoj, ĉio ĉi estis ege valora kaj grava por pli bone kompreni kaj juĝi kelkajn aktualajn problemojn kaj tendencojn de la internacia, regiona aŭ landa Esperanto-movadoj.
   La 23-a Konsultiĝo okazos 1990 en Pollando.

**D. B.**

## 4-a plenkunsido de la CE de GDREA

La Centra Estraro de nia asocio kunsidis la 10-an kaj 11-an de februaro 1989 en la gastdomo de Kulturligo, en Bad Saarow, kaj traktis abundan tagordon. La prezidanto de GDREA, Hans Heinel, informis pri kelkaj aktualaj problemoj de la internacia politiko kaj pri la politika kaj ekonomia evoluo en GDR. La sekretario de GDREA, d-ro D. Blanke, klopodis resumi la ĉefajn atingojn de GDREA dum la jaro 1988. Lia raporto estis kompletigita per informoj pri la situacio en la distriktaj organizaĵoj. Aparte grava tagorda punkto estis la daŭrigo de la diskuto pri la plibonigo de la agado de la Centra Estraro mem. Tiucele 3 laborgrupoj, kunsidintaj samtempe, diskutis kaj ellaboris konsiderindan kvanton da proponoj, kiuj ludos rolon dum la estontaj kunsidoj de la Centra Estraro kaj ĝia prezidio.

La duan tagon de la plenkunsido partoprenis gvidaj reprezentantoj de Ĉeĥa Esperanto-Asocio (ĈEA) kaj de Slovakia Esperanto-Asocio (SEA). Flanke de la Slovakia asocio partoprenis inĝ. Milan Zvara, sekretario kaj aganta prezidanto de SEA, inĝ. Vladimír Němec, vicprezidanto, inĝ. Ján Vajs, estrarano kaj prezidanto de la Mezslovakia regiona komitato de SEA, kaj inĝ. Jozef Reinvart, estrarano kaj prezidanto de la Urba komitato de SEA en Bratislava. Flanke de la Ĉeĥa asocio partoprenis d-ro inĝ. Petr Chrdle, prezidanto de ĈEA, inĝ. Vlastimil Kočvara, vicprezidanto kaj Karel Franc, ĝenerala sekretario. La kolegoj de la du asocioj, kun kiuj GDREA amike kunlaboras surbaze de amikeckontrakto, subskribita en la jaro 1978, sisteme kaj detale informis pri la strukturo, agado kaj planoj de siaj asocioj kaj respondis multajn demandojn. Por ĉiu asocio estis je la dispono duona tago. Tiu programero estis ege interesa kaj valora kaj sendube decide helpos al la Centra Estraro, al la prezidantoj de la distriktaj estraroj, fakgrupoj kaj komisionoj de la asocio, pliprofundigi la kunlaboron kun ambaŭ asocioj en ĈSSR. Multaj duflankaj interparoloj kaj amikaj konversacioj plifirmigis la tre utilan tagorderon. Espereble ĉi tiu plenkunsido donos novan, fortan impulson al la agado de GDREA.

### Lastatempaj novaĵoj el USSR

#### Urala Esperanto-Ligo

La 7-an de februaro 1989 estis proklamita sendependa de SEU Urala Esperanto-Ligo (UEL), havanta 38 anojn kaj eldonanta tajpatan gazeton „Samarano".

#### Ankoraŭ unu tutunia

La 26-an/27-an de majo 1989 en Tuĉkovo apud Moskvo 27 Esperanto-kluboj el RSFSR, Armenio kaj Kartvelio fondis Tutunian Unuigon de Esperanto-kluboj (TUEK), sendependan kaj jure plenrajtan. Prezidanto elektiĝis E. Lanenko (Krasnojarsk).

#### Ukraina Esperanto-Asocio

La 20-an/21-an de majo 1989 fondiĝis memstara Ukraina Esperanto-Asocio (UKrEA), kiu kunlaboras kun Ukrsovprof (ukrainaj sindikatoj) kaj anstataŭas Ukrainian filion de ASE/SEU. Prezidanto fariĝis Je. Kovtonjuk (Kievo).

#### Aliĝo al UEA

La Internacia Komitato de Universala Esperanto Asocio, dum la 74-a Universala Kongreso de Esperanto en Brighton/Grandbritio, akceptis kiel kolektivajn membrojn jenajn Esperanto-asociojn el Sovetunio: Sovetrespublikara Esperantista Unio (SEU), Litovia Esperanto-Asocio, Latva Esperanto-Asocio.

**Internacia Kunordiga Komitato de Interlingvistoj (IKKI)**

**Bulteno 1**

La 21-an de aprilo 1989 la 22-a Konsultiĝo de Esperanto-Asocioj de socialismaj landoj, okazinta en Moskvo, akceptis la sekvan rekomendon:

La Konsultiĝo, konscia pri la neceso de unueco inter teoria kaj praktika agadoj, de sciencaj esploroj pri la kompleksa problemo de la internacia lingva komunikado ĝenerala kaj speciale pri Esperanto kaj ĝia movado, **rekomendas:**

1) fondi la **Internacian Kunordigan Komitaton de Interlingvistoj (IKKI)** kun la celoj servi al reciproka informado de interlingvistoj pri ilia faka agado kaj ellabori komunan planon de tia agado, interalie en jenaj branĉoj: a) leksikografia, b) historiografia, c) bibliografia kaj d) informpera.

2) komisii al d-ro sc. S. N. Kuznetsov formi kaj funkciigi IKKI. IKKI estos malferma al ĉiuj interlingvistoj. Ĝi celas starigon de konsultaj kaj kunlaboraj rilatoj kun la organoj de la Esperanto-movado (Akamio, CED, UEF, TEC k. t. p.) kaj kun profesiaj institucioj, organizajoj kaj unuopaj specialistoj ekster la esperantlingva komunumo. IKKI kontribuos al evoluigo de interlingvistiko en tiuj landoj, kie tiu scienca branĉo ankoraŭ ne establiĝis.

La Konsultiĝo rekomendas, ke kadre de la estontaj konsultiĝoj estu prezentatoj raportoj pri la agado de IKKI. Laŭ la supra rekomendo la 22-an de aprilo 1989 kunvenis Iniciata Grupo konsistanta el jenaj interlingvistoj: d-ro sc. D. Blanke (GDR), D. Dimitrov (Bulgario), A. Melnikov (USSR), d-ro B. Kolker (USSR), d-ro sc. S. Kuznetsov (USSR), J. Parzyszek (Pollando), d-ro A. Rátkai (Hungario).

La Iniciata Grupo

1) fondis IKKI kaj alvokis ĉiujn interesitajn interlingvistojn aliĝi al ĝi,

2) elektis d-ron sc. S. Kuznetsov ties prezidanto, komisiante al li trovi la sekretarion, esplori eblecojn por la publikigado de informbulteno kaj prizorgi la labordokumentojn de IKKI,

3) akcepti la proponon de Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR okazigi ĝeneralan kunvenon de IKKI en Bad Saarow/GDR kadre de la tie okazonta internacia seminario „Esperanto en sciencaj kaj altlernejaj medioj", aŭtune 1990.

Interesitoj sin direktu al: D-ro sc. Sergej N. Kuznetsov, Instituto pri lingvistiko, Sovetia Akademio de Sciencoj, Semashko 1/12, SU — 103009 — Moskvo.

**Bibliografio de planlingvaj periodajoj**

„Kunlabore kun du hispanaj kolektantoj-esperantistoj (S-ro Luis Hernandez Yzal kaj S-ino Ana Molera-Urgellés) sub nomo de **„Laborrondo Takács" — por ide omaĝi al la 100-jariĝo de la E-gazetaro** — mi ekde 2 jaroj streĉe laboras por kompili kiel eble kompletan **bibliografion de planlingvaj periodajoj.** Ni kolektis informojn jam pri pli ol 5 100 diversaj titoloj (pli ol 95 %-oj estas esperantajoj).

Por kompletigi la bibliografion **ni bezonas helpon** de diverslandaj kaj diversfakaj samideanoj, kiuj aŭ informos nin pri la periodajoj, kiujn ni ne havas — aŭ ĝis nun ne vidis — aŭ sendas al ni la necesajn revunumerojn. Helpemuloj bv. kontakti d-ron Árpád Máthé (komitatano de UEA, vicprez. de Hungara E-Asocio) laŭ jena adreso: **Tusnádi u. 14, H—1125 Budapest, Hungario; Tel. (36) 1 557-144."**

**Esperantistoj en la Festivalo de la Politika Kanto**

Ĉiujare en februaro okazas la Festivalo de la Politika Kanto en Berlin, ĝia amplekso jam estas apenaŭ supervidebla, preskaŭ 50 solistoj kaj grupoj en la plej diversaj koncertoj antaŭ 100 — 8 00 junuloj. La verŝajne plej konata festivala aranĝo estas la t. n. Politkirmes (politkermeso) kiu okazos dum tiu semajno dufoje. Ĝin vizitas ĉiufoje 5 000 — 6 000 junuloj. Okazante en granda sporthalo, ĝi ofertas buntan bildon de grandega domo kun diversaj grupoj sur granda kaj malgranda scenejoj, kun densa miksajo de diversaj budoj, migrantaj vendistoj, lotumado, ludoj, informgiĉetoj ktp. Multaj junaj esperantistoj jam longjare estis publiko de la Festivalo, kaj tial la propono lanĉi nian partoprenon tuj trafis subtenon.

La kontaktoj ja pro nia engaĝiĝo en Lenz (feritendaro de FDJ[1]) kaj la rilatoj kun la Centra Konsilantaro de FDJ jam ekzistis. Ke tio plifaciligis la organizadon rimarkeble, estas unu el la spertoj.

Celo de nia budo estis konatigi junulojn kun Esperanto kaj la eblecoj aktivi en la Junulara Komisiono de GDREA kaj lerni E-on. En multaj kazoj tio sukcesis. Kvankam la kopio de hungara sperto de „kurseto" estis mistakso, nia iniciato postlasis grandan atenton ĉe la publiko kaj la festivala organizgrupo. La aktivado ĉefe konsistis el informado, demonstrado de lingvoekzemploj, parte tre akraj diskutoj, vendado kaj senkosta perado de literaturo, flugfolioj ktp. **TEJO** estis sendinta informilojn kaj la Centra Estraro de GDREA provizis nin per multaj diversaj materialoj. Krome dezajna grupo grafike preparis la budon, tiel ke la materiaj kondiĉoj estis kontentigaj.

Por la telekurso de GDREA kaj por rekta kurso en junulara klubejo en Berlin tuj aliĝis ĉ. 25 junuloj. Ni transdonis de la gajno 100 markojn al la fonduso por la provizado de orfa hejmo en Esteli/Nikaragvo. Dum sia 8a kunveno la Junulara Komisiono de GDREA resumis la spertojn. Dankon al ĉiuj preparintoj. La ĉefan ŝarĝon de la preparo portis Thorsten Lemke, Torsten Bendias kaj Heidi Schilller. Entute kunagadis 9 junuloj. Pli preciza analizo aperos en „Junulara Cirkulero" (en „Die Rationelle Sprache"). La Komisiono planas ripeti la projekton venontjare en simila formo.

**Junulara Estraro**

[1]) FDJ — Libera Germana Junularo, la junulara organizajo en GDR

# Koncize pri la sovetia Esperanto-movado

**Aprile 1989**

Dum la 2-a Internacia Renkontiĝo de la Esperanto-Junularo en Minsk, la partoprenantoj el GDR kaptis la okazon iom pli detale informiĝi pri la nuna situacio de la Esperanto-movado en Sovetunio, pri novaj iniciatoj, novaj organizaĵoj. Jen, iom ordigitaj, la rezultoj de nia kolekta laboro, kiuj ne pretendas esti kompletaj:

**SEU — Sovetrespublikara Esperantista Unio,** refondita dum la tria konferenco de ASE januare 1989. La nomo estas transprenita de la tutsovetia esperantista organizaĵo el la 20-aj kaj 30-aj jaroj. Unu el la ĉefa diferenco inter ASE kaj SEU estas la organiza kaj financa memstareco de SEU. Ĝia prezidanto estas **Vladimir Samodaj,** krome ekzistas prezidio kaj estraro. SEU nun atendas sian juran reagnoskon. Por kromaj informoj vidu la intervjuon kun **Sergej Kuznecov,** vicprezidanto de SEU, kiu aperos en „de" 5/89.

**SEJM-2 — Sovetia Esperantista Junulara Movado,** posteulo de SEJM, kiu longtempe aktivis ĝis la fondiĝo de ASE kaj ties junulara komisiono en 1979. Enkadre de SEJM-2 funkcias Junulara Esperanto-Centro, en la urbo Taŝtagol, kiu situas sudoriente de Novokusneck. SEJM-2 agadas sendepende de aliaj organizaĵoj, inkluzive de SEU, kiu havas propran junularan komisionon; tamen ĝi kunlaboras kun ili. Celoj de SEJM-2 estas disvastigi Esperanton kaj praktike utiligi ĝin en la kluba vivo kaj dum grandaj junularaj aranĝoj.

**FEJA — Fondaĵo de Esperantistaj Junularaj Aranĝoj,** fondita en oktobro 1988 speciale por la organizado de grandaj junularaj esperantistaj aranĝoj kaj por la eldonado kaj produktado de diversaj materialoj en Esperanto. FEJA estas la organizinto de la internacia renkontiĝo en Minsk. Sur informfolio de FEJA legeblas i.a.: „FEJA tenas rektajn ligojn kun 263 urboj de Sovetunio kaj multaj landoj de la mondo. FEJA estas socia organizo kaj laboras en densa kontakto kun sovetiaj sociaj kaj ŝtataj organizoj, inkluzive de la Komitato de Junularaj Organizoj, Unuiĝo de Sovetiaj Societoj de Amikeco kaj Kulturaj Ligoj kun Eksterlando (SSOD), Sovetia Pacdefenda Komitato, APN, TASS, amasinformiloj, Centra Televido, Radio de Moskvo, redakcioj de ĵurnaloj kaj revuoj. FEJA nuntempe estas la sola esperantista organizaĵo en USSR posedanta jurajn kaj ekonomiajn rajtojn plenamplekse." FEJA havas nur kelkdekojn da membroj, ĝis nun nur aktivuloj rajtis aniĝi. Prezidanto estas **Andrej Orlov.**

Respublikaj kaj regionaj asocioj — en Ĉebaltio jam funkcias **memstaraj Esperanto-Asocioj:** litova, latva kaj estona kun propraj junularaj komisionoj, aliaj eksaj filioj de ASE prepariĝas al memstareco. Ili estas sendependaj de tutsovetiaj Esperanto-organizaĵoj kaj mem decidas pri sia en — kaj eksterlanda agado. Multaj aktivecoj en Uralaj urboj kondukis al fondiĝo de **Urala Esperanto-Societo (UES),** kiu kunordigas tieajn agadojn. Ĝi eldonas esperantlingvajn periodaĵojn kaj planas eldoni ruslingvan informilon. Aparte interesaj estas ĝiaj interlingvistikaj aktivecoj ĉe la universitato de Perm.

**Esperanto-kooperativoj** — laŭ la novaj ekonomiaj leĝoj en Sovetunio formiĝis kelkaj kolektivoj, kiuj per kaj por Esperanto starigis kooperativojn finance memstarajn, produktantajn diversajn materialojn en Esperanto, esperantaĵojn, aŭ perantajn diversajn servojn. Ŝajne nun estas realigata asociiĝo de tiuj kooperativoj. Pri unu el ili, la Moskva „Kopso", „der esperantist" raportas sur p. 87.

**Eldonejo „Progreso"** — kiel en **APN,** Esperanto ankaŭ jam enpenetris la ŝtatan eldonejon „Progreso". De la komenco de 1989 tie ekzistas Esperanto-fako, konsistanta el unu persono, redaktoro Aleksandr Ŝevĉenko.

La eldonejo preparas plurajn interesajn librojn en Esperanto kaj ĉiujaran almanakon „Paco". Pri detaloj vidu la intervjuon kun **A. Ŝevĉenko,** p. 88.

Krom la menciitaj organizaĵoj kaj asocioj ekzistas ankaŭ aliaj, kiel **MAJE (Moskva Asocio Junulara Esperantista)** k. a. La plurcent **kluboj** funkcias sur tre diversaj bazoj, ĉu enkadre de sindikataj aŭ uzinaj kulturdomoj, ĉu memstare, ĉu kunlabore kun regionaj filioj de SSOD aŭ kun aliaj institucioj; ili ĉiuj serĉas kontaktojn kun eksterlandaj kluboj aŭ unuopaj esperantistoj.

Apartaj klopodoj rezultigis bonajn fruktojn ankaŭ alikampe:

Dum 1989 verŝajne aperos **tri sondiskoj** kun muziko en Esperanto. Unu el ili jam aperis: la disko „Espero" kun kantoj de la Leningrada ensemblo „Eterna Muziko" kaj kun la voĉo de Oleg Popkov de la Leningrada Esperanto-teatro, kiu deklamas versojn de Puŝkin (la disko aperis ĉe la ŝtata firmao „Melodija"). La aliaj du diskoj entenos muzikon de la grupo de Vladimir Soroka kaj de kazaĥa duopo sub gvido de Ĵomart Amzejev, ambaŭ rekomendindaj.

Dum la lasta tempo, ni kolektis multajn adresojn de kluboj, organizaĵoj, kiuj serĉas kontaktojn, ni uzu la novajn eblecojn de la sovetia movado.

**Ulrich Becker**

## El materialo de la SEU – Prezidio

(1) De 23. — 25. de januaro 1989 en Moskvo okazis la 3-a Reelekta Konferenco de ASE, dumlabore transformita je 8-a Kongreso de SEU (Sovetrespublikara Esperantista Unio). La konferencon ĉeestis komence 212 voĉdonrajtaj deligitoj. La konferenco traktis ĉefe tri problemojn: restrukturigo kaj nova statuso de ASE, akcepto de nova statuto kaj elekto de nova Estraro.

### Decidoj de la 8-a SEU - Kongreso (3-a ASE-Konferenco)

1. Agnoski nekontentiga la laboron de ASE-Estraro.
2. Refunkciigi la agadon de Sovetrespublikara Esperantista Unio (SEU).
3. Transformi la 3-an ASE-Konferencon je la 8-a SEU-Kongreso.
4. Konfirmi la provizoran SEU-Statuton.
5. Konservi enkadre de SEU la respublikajn kaj regionajn ASE-strukturojn.
6. Sinturni al Prezidio de Supera Soveto kaj Konsilio de ministroj kun la peto reregistri SEU.
7. Informi pri la kongreso kaj ties decidoj amaskomunikilojn.
8. Daŭrigi la kunlaboron kun SSOD, VCSPS kaj CK de VLKSM.
9. Elekti Prezidion, Estraron kaj Revizian komisionon de SEU.
10. Delegi la prezidanton de SEU **Vladimir Samodaj** al la fonda konferenco de Tutunia historikleriga asocio „Memorial".
11. Komisii al la elektita vicprezidanto de SEU **Sergej Kuznecov** daŭrigi la gvidadon de Lingvistika komisiono laŭ la direktoj: leksikografia, historia, bibliografia, traduka, kaj gvidi eldonan agadon de SEU laŭ ĉi direktoj.
12. Elekti postmorte honoraj prezidantoj de SEU **Drezen Ernest Karloviĉ** kaj **Bokarev Evgenij Alekseeviĉ.**
13. Elekti honoraj membroj de SEU **Verŝinin A. I.** kaj **Paŝĉenko M. F.**
14. Komisii al Estraro kaj Prezidio de SEU:
    a) enmeti necesajn korektojn en la provizoran SEU-Statuton;
    b) solvi demandojn ligitajn kun la reregistro de SEU;
    c) prepari fondon de la Tutsovetia Fonduso por evoluo de Esperanto;
    d) sinturni je la nomo de la kongreso al Akademio de Sciencoj, Ŝtata Komitato de Popolklerigo, Ŝtata Eldonkomitato, Ŝtatteleradio kun la propono pri kunlaboro;

e) ellabori programon de SEU por la proksimaj jaroj;
f) solvi demandon pri la presorganoj de SEU.

(2) — La kongreso de SEU elektis jenajn prezidanton kaj vicprezidantojn: **V. Samodaj, V. Arolovič, A. Gončarov, A. Kazakov, B. Kolker, S. Kuznecov, A. Meljnikov.**
La kongreso de SEU elektis novan estraron laŭ la principo, ke la estraron eniras gvidantoj de komisionoj kaj po unu reprezentanto de ĉiu respubliko, havanta formiĝintan aŭ formiĝantan E-organizaĵon.

(3) — Komence de februaro al Prezidio de Supera Soveto de USSR kaj al Konsilio de Ministroj estis senditaj jenaj dokumentoj:
1) sinturno de SEU-Prezidio pri la refunkciigu de SEU kun ĉiuj juraj kaj materialaj rajtoj,
2) provizora Statuto de SEU,
3) Konsisto de SEU-Estraro,
4) ĉefaj direktoj de SEU-agado,
5) motivoj de eliro el SSOD.

(4) — SEU-Prezidio sinturnis al SSOD kun la propono pri kunlaboro en efektivigo de eksterlandaj ligoj de SEU en 1989 jaro. En proksima tempo SSOD-Prezidio traktos la proponon.

(5) — Provizoraj adresoj de SEU estas jenaj: por la eksterlando: **Vladimir Samodaj,** „Moscow News", ul. Gorkogo 16/2, 103829, GSP, Moskva, USSR; por la enlando: **Anatolo Gončarov,** Esperanto-klub „Lev Tolstoi", ul. Volĥonka 13, 121019, Moskva.

(6) — Provizore por la operativa informado estos uzata la informilo de Junulara E-centro en Taŝtagol „Eksciu ke ...", aperanta dufoje monate. Por aboni la informilon necesas sendi 3 rbl kaj 20 subskribitajn kovertojn laŭ la adreso: 652970, Kemerovskaja obl., Taŝtagol, Molodjoĵnij Esperanto-centr, Ananjin Andrej Anatoljeviĉ.

(7) — Tuj post SEU-Kongreso estis formita grupo da E-kluboj, kiuj partoprenos VNMC-eksperimenton fondi Union de E-kluboj.

(8) — Pri la refunkciigo de SEU kaj ties provizoraj adresoj estas informitaj UEA, soclandaj E-asocioj kaj kelkaj E-periodaĵoj.

(9) — Estas preparata Regularo pri membrokotizoj de SEU. Sed ĉar SEU jam urĝe bezonas monon por tajpado de dokumentoj, multobligado de informiloj, pagi poŝton kaj eventuale dungi sekretarion (nur tiam eblos fizike respondi la al fluantan amason da leteroj ktp.) jenas eltraĵo el tiu Regularo: „... E-kluboj, enirantaj SEU, ĉiujare pagas membrokotizon sumigante po 2 rbl de ĉiu klubano, sed ne malpli ol 20 rbl (eĉ se la kvanto de klubanoj estas malpli ol 10) ..."

## LITOVA ESPERANTO-ASOCIO RESTARIGITA

Litova Esperanto Asocio estis fondita la 10-an de Decembro 1919 en Kaunas. Ĝi sukcese funkciis ĝis 1940. Dum tiuj du jardekoj litova Esperanto-movado konsiderinde kreskis — aperis kelkaj lernolibroj de Esperanto, vortaroj, estis eldonata revuo „Litova Steb", aperis kelkaj beletraj libroj en Esperanto radio disaŭdigis en Esperanto k. s.
Tiu ĉi agado en 1940 estis perforte likvidita.
Granda silento daŭris ĝis 1954, kiam renkonte al la 6-a tutmonda festivalo de junularo kaj studentoj en Moskvo komencis aperadi la unuaj Esperanto-kluboj, komencis agi tiuj esperantistoj, kiuj sukcesis resti vivaj. Tuj aperis Esperanto-kluboj en Litovio. Poste estis fondita Esperanto-sekcio en Litova societo de amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksteraj landoj. Finfine en 1979 estis fondita Litovia Filio de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj. Dum lasta jardeko la movado en Litovio multe progresis — grandegaj baltaj esperantistaj tendaroj, komencis aperadi libroj en Esperanto, fortiĝis internaciaj kontaktoj, kreiĝis multaj novaj kluboj, kiuj nun en Litovio estas preskaŭ 40.
Sed la ekzistantaj organizaj formoj ne stimulis kreskon de la movado, ofte eĉ bremsis ĝin. De alia flanko senti-

ĝis bezono restarigi historian veron, ĉar la Esperanto-movado en 1940 en Litovio estis likvidita kontraŭleĝe, sen ajna serioza kaŭzo. La 15-an de novembro 1988 en Vilnius okazis estrarkunsido de Litova filio de ASE, kiu formale decidis kunvoki la 4-an eksterviсan respublikan konferencon de Litova filio de ASE por restarigi Litovan Esperanto Asocion.

La 4-a ekstervica respublika konferenco de Litova filio de ASE okazis la 10-an de Decembro 1988 en Kaunas. Konsiderante 20 litovajn Esperanto-kongresojn ĝis 1940 kaj tri respublikajn konferencojn de Litovia filio de ASE estis decidite konsideri tiunĉi konferencon kiel vican 24-an refondan kongreson de Litova Esperanto Asocio. Do, precize post 69 jaroj ekde la fondo de LEA, ĝi unuanime estis restarigita. Tiu ĉi evento por la litovaj esperantistoj estas historia. Samtempe oni likvidis la Litovian filion de ASE. LEA estas memstara sendependa organizaĵo, ne ligita al ajna alia nek neesperantista, nek esperantista organizaĵo. Ĝi ne apartenas al ASE (nun jam al SEU), agas ekster ĝi. Estonte principe eblas aliĝo al ASE (SEU) laŭ federaciaj aŭ konfederaciaj kondiĉoj, se estos senco kaj utilo tion fari, se finfine ASE (SEU) komencos normale labori. La 24-an refondan kongreson de Litova Esperanto Asocio partoprenis 317 esperantistoj el 35 litovaj urboj kaj loĝlokoj. Ĝi estis la plej granda tiaspeca aranĝo. Ni havis gastojn el najbaraj respublikoj — Latvio, Estonio, Belorusio, Ukrainio, RSFSR (Moskvo, Sverdlovsk, Sovetsk). La kongreso okazis en Kaunas, ĉar la sidejo de LEA estos en tiu ĉi urbo, do, ne plu en Vilnius. Kaunas havas pli fortajn Esperanto-tradiciojn. Ĉi tie baldaŭ instaliĝos litova respublika Esperanto-centro en iama domo de Aleksandro Zilbernik, konserviĝinta ĝis nun. Urbaj instancoj decidis transdoni la tutan domon al Litova Esperanto Asocio. La kongreson gaste partoprenis esperantistoj el Pollando (Bjalistoko), GDR, Svislando. La lastan reprezentis redaktoro de TEJO-Tutmonde Andy Künzli. Ili salutis la kongreson.

Ĉefraporton dum la kongreso faris la vicprezidanto de Litovia filio de ASE advokato Povilas Jegorovas. Diskutojn partoprenis 12 elstaraj litovaj esperantistoj, kiuj subtenis la ideon restarigi LEA kaj faris konkretajn proponojn por ĝia estonta agado. Estis akceptita statuto de LEA. La kongreso decidis daŭrigi la tradiciojn de litova Esperanto-movado kaj zorgi pri ties kontinueco. LEA kunlaboros kun ASE (SEU), kun esperantistaj organizaĵoj de aliaj sovetiaj respublikoj, senpere havos kontaktojn kaj kunlaboros kun alilandaj kaj internaciaj esperantistaj organizaĵoj. En proksima estonto ni deziras memstare aliĝi al UEA, kaj la junulara sekcio de LEA — al TEJO.

La kongreso elektis 15-personan estraron de LEA por 5-jara periodo kaj 3-personan revizian komisionon. Oni decidis zorgi pri restarigo de la revuo „Litova Stelo". Prezidanto de LEA estas elektita **Laurynas Algimantas Skupas**, profesoro de Vilniusa universitato. La unua vicprezidanto fariĝis advokato **Povilas Jegorovas** el Kaunas. Estis elektitaj du vicprezidantoj — **Adomas Vaitilavičius** kaj **Rolandas Stramkauskas.** Respondeca sekretario fariĝis **Rima Skudžinskiene,** ŝi samtempe estos kasisto de LEA. Ni antaŭvidas, ke respondeca sekretario estos salajrata oficisto de LEA. Estis kreitaj sekcioj de LEA (internacia, organiza, redakta-eldona, instru-metodika, junulara, arta, scienc-teknika, informa kaj propaganda, medicina), konfirmitaj iliaj gvidantoj.La kongreso elektis du honorajn membrojn de LEA. Ili estas **Antanas Poŝke** el Vilnius, veterano de litova Esperanto-movado, iama prezidanto de LEA kaj veterano **Albinas Vebeliunas** el Kaunas.

La kongreso estis vaste prilumita en litova gazetaro, radio, televido. Aperis grandaj artikoloj en respublikaj gazetoj. La informoj aperis en litova, rusa, pola lingvoj. Kelkfoje en diversaj programoj, interalie, en la samaj tri lingvoj litova, rusa, pola pri la evento informis Litova radio kaj televido.

Post la kongreso okazis tradicia aranĝo de litovaj esperantistoj „Zamenhof-tagoj-88".

Provizora adreso de Litova Esperanto Asocio estas: 233000 Kaunas-C, ab./k. 167, Litova SSR, USSR. Tel. de P. Jegorovas: ofica 223674, hejma 739776.

La 13-an de februaro 1989, Kaunas

**P. Jegorovas**
**La unua vicprezidanto de**
**Litova Esperanto Asocio**

---

## LITOVA ESPERANTO-CENTRO ESTOS!

Litova Esperanto Asocio kun granda ĝojo informas, ke kelkjara agado de litovaj esperantistoj kaj iliaj kolegoj eksterlande por akiri la iaman domon de Aleksandro Zilbernik en Kaunas, Litovio, finiĝis per plena sukceso. La II-an de Novembro en 1988 la urba plenumkomitato de Kaunas informis pri sia decido transdoni la tutan domon Nr. 5 sur la strato de L. Zamenhof al la litovaj esperantistoj por krei tie la litovan respublikan Esperanto-centron. Praktike tio realiĝos proksimume post du jaroj, ĉar la domon atendas forta riparo kaj renovigo, kio komenciĝos ĉi-jare. Nun estas korektata projekto, kiu estas adaptata al bezonoj de la esperantistoj. Litovaj esperantistoj delonge revis, ke tiu domo estu utiligata por iliaj celoj.
La domo estas la unika, sola konserviĝinta en la mondo konstruaĵo, tiel forte ligita al la vivo kaj agado de L. Zamenhof kaj al la Esperanto-movado ĝenerale. Tial ĝi bezonas eksterordinaran atenton. Ĝi estas historia monumento. Ni ĝojas, ke la urba estraro, la respublikaj instancoj konsideris tion ĉi kaj akceptis decidon maksimume favoran por ni.
Litova Esperanto Asocio planas en tiu trietaĝa domo lokigi sian oficejon, bibliotekon de Esperanto-literaturo, litovan Esperanto-arkivon, muzeon de L. Zamenhof kaj de litova Esperanto-movado, Esperanto-klubojn de Kaunas, instruan centron de Esperanto, salonon por kunvenoj, gastoĉambrojn, kafejon, mastrumajn ejojn. En la domo restos unu loĝejo kie loĝos oficisto de LEA.
Post riparo la domo estos signita per speciala memortabulo. Ĉiujn riparkostojn, kiuj estas proksimume 100 000 rublojn, kovras la urbo.
Litova Esperanto Asocio antaŭvidas kunlaboron de respublika Esperanto-centro kun estontaj kaj jam funkciantaj Esperanto-centroj en Bjalistoko, Svislando, Bulgario, Francio, Jugoslavio, Belgio, Aŭstrio, Nederlando k.a. La unua kaj ĉefa paŝo estas farita. Nun la perspektivo de la centro dependas plejparte de esperantistoj mem.

**Povilas Jegorovas**
**Unua vicprezidanto de**
**Litova Esperanto Asocio**

### Koverto pri Usmanov

En la Enciklopedio de Esperanto (p. 552) ni legas: Usmanov, Ŝamil, tataro, sovetiano, verkisto. Nask. 1898. Esperantisto de 1929. Membro de CK de SEU de 1931. Gvidis Moskvan Instituton de SEU 1930 — 1932.
1988 la sovetia poŝto eldonis koverton kun portreto memore al la verkisto, kiu en la jaro 1937 fariĝis viktimo de la stalina teroro.

### Esperanto-Asocio de Estonio

Fine de 1988 fondiĝis Esperanto-Asocio de Estonio kaj la Estona Filio de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (ASE) ĉesis ekzisti.
Prezidanto de EAE elektiĝis **d-ro Ferdinand Eisen,** eksministro pri Kulturo de la Estona Soveta Respubliko. EAE eldonas la bultenon „Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio.

### Urala Esperantista Societo fondiĝis

Jam delonge esperantistoj sukcese aktivadis en la regiono de la montaro Uralo, pro tio ne estas mirinde ke la 18an de decembro 1988 en la urbo Sverdlovsk estis fondita Urala Esperantista Societo. Ĝi anstataŭas Uralan Esperantistan Komitaton, kiu ĝis tiam agadis enkadre de ASE. La nova UES estas jure memstara organizaĵo,

ĝia prezidanto estis elektita **V. Kloĉkov.** Inter la multaj aktivecoj de Uralaj esperantistoj aparte menciindas la Uralaj Esperanto-Renkontiĝoj, la Uralaj Konferencoj pri Planlingvoj kiuj de kelkaj jaroj okazas sub aŭspicio de la Perma Ŝtata Universitato, kaj sur kultura kampo la „Jardeko de Esperanto". Eldoniĝas la informletero de Uralaj esperantistoj „Ekzakte" kaj literatura almanako „Sezonoj". Laŭ la Regularo de Urala Esperantista Societo, aprobita dum la fonda konferenco, UES pretas kunlabori kun ĉiuj sovetiaj kaj alilandaj esperantistaj institucioj.

## Nova Esperanto-Organizaĵo en Soveta Unio: MAJE

Komence de aŭgusto 1988 en Moskvo estis fondita nova E-organizaĵo: Moskva Asocio de Junaj Esperantistoj (MAJE). Celoj de la Asocio estas: organizado de diversaj E-aranĝoj en Sovetio kun partoprenado de eksterlandaj esperantistoj; disvastigo kaj propagando de Esperanto inter gejunuloj; kunlaboro de diversaj junularaj E-organizaĵoj, prezentado de la interesoj de junaj sovetiaj esperantistoj en superaj instancoj. Nun la nova organizaĵo unuigas ĉiujn moskvajn kaj apudmoskvajn junularajn E-klubojn. MAJE havas provizoran adreson: SU — 125422 Moskvo, str. Timirjazevskaja, 34-2-61.

## „Sovetia Esperantisto" el Baku

Dufoje ĉiumonate aperos estonte sovetia esperantista gazeto, grandformata, nigra-verda-blanka, bele aranĝita kaj ilustrita. Ĝia titolo, „Sovetia Esperantisto", montras, ke ĝi turnas sin al la tutsovetia esperantistaro, kvankam ĝi estas eldonata de Bakua Esperanto-klubo „Ĥazar" kaj la Esperanto-kooperativo „Luĉ", kunlabore kun Azerbajĝania Ĵurnalista Unuiĝo, kiuj tiel entreprenis laŭdindan iniciaton survoje al pli bona kaj pli rapida informado pri la sovetia movado, al la informiteco de la enlandaj esperantistoj. En la ĉefartikolo de la unua numero (16-a de februaro 1989) legeblas i. a.: „Kaj se iam la tutsovetia esperantistaro oficiale ekhavos propran gazeton — ni laŭbezone volonte cedos al ĝi la titolon, presbazon kaj ankaŭ la sperton ĝis tiam akumulotan." Do, „Sovetia Esperantisto" ŝtopis grandan truon, ankaŭ internacie senteblan. La gazeto aperas en Esperanto, kun multaj tekstoj samtempe en la rusa aŭ azerbajĝana lingvoj, aŭ eĉ ambaŭ. La unua kajero enhavas ĉefe artikolojn pri estiĝo kaj estonto de la gazeto, pri la januara kongreso de SEU (Sovetrespublikara Esperantista Unuiĝo), pri historio de la Esperanto-movado kaj multajn anoncojn. Redaktoro estas Ŝajg Bahram oglu, la adreso de la redakcio: a/k 3, Baku-146, 370146 SU.
„der esperantist" deziras al la nova gazeto sukceson kaj ĉiam kontentajn kaj kunlaboremajn legantojn.

## KOPSO

Maje 1988 en Moskvo ekfunkciis KOPSO — la unua instrua E-kooperativo en USSR. Ĝia anonco aperis dufoje en la revuo „Soveta Rusio". Rezulte, ni havas nun kelkcent korespondajn lernantojn. Kun la celo helpi reciprokajn leteramikigojn de niaj disĉiploj ni kreis INTERSERVO — datumbazon pri korespondemuloj.
Ni invitas ĉiujn dezirantojn partopreni INTERSERVON. Registri viajn donitaĵojn en la datumbazo vi povas senpage. Por ricevi informon pri potencialaj korespondantoj necesas sendi al la — kooperativo du 50-kopekajn nestampitajn sovetiajn poŝtmarkojn (por sovetianoj) aŭ 2 respondkuponoj (por eksterlandanoj). Ni penas provizi kiel eble plej altan procenton de respondoj. Tiucele la uzantoj de INTERSERVO estas petataj sciigi nin pri ĉiu okazo de nerespondo. La uzanto kiu ne respondas 5-foje, estos eljetita el la datumbazo. Adreso de „Interservo": p/a s-ino Larisa BIRYUKOVA, Uralskaya ul., 5-160, Moskvo SU-107241 Sovet-Union. Adreso de la kooperativo „Kopso": k. d. „Lenino", Birjulevskaja ul., 53-1, Moskvo, SU-115372 Sovet-Unio

## Intervjuo kun Aleksandr Ševčenko (Eldonejo „Progreso", Moskvo)

— **Ĉu vi estas profesia ĵurnalisto?**

— Fakte ne, sed nun mi profesie laboras en la eldonejo „Progreso" kiel redaktoro.

— **La eldonejo „Progreso" planas eldoni esperantlingvajn librojn. Ĉu vi povus nomi kelkajn titolojn?**

— Jes. Ĝis nun ankoraŭ neniu titolo estas presita. Ĉio estas nur en preparo. La unuaj eldonaĵoj estas la bildlibroj pri la decembristoj, „1825: Komploto" kaj pri la revolucio de la 1905-a jaro, ĝi nomiĝas „Prologo". Tiuj du bildlibroj aperos en la jaro 1989 kaj aldone en 1989 ni planas eldoni libroforman soci-politikan, beletran almanakon.

— **Kiun intereson havas „Progreso" eldoni esperantlingvajn librojn?**

— La eldonejo „Progreso" estas la plej granda eldonejo, en la mondo kiu aperigas librojn en 50 fremdaj lingvoj. Inter ili estas efektive raraj, kiel ekzemple la ŝona lingvo. Diference de la malvasta libra merkato en tiuj lingvoj, Esperanto donas pli vastajn eblecojn por la eldonejo, ĉar bezonoj pri Esperanto-libroj en la mondo estas sufiĉe grandaj, precipe grandaj ili estas en USSR. La fakto, ke la eldonejo komencas esperantan programon atestas pri tio, ke Esperanto prezentas parton de la monda kulturo kaj esperantistoj rajtas atendi diverstemajn librojn ekde la klasikuloj de marksismo-leninismo ĝis poezio aventuro fikcio. La libra merkato en Esperanto estas malfacila afero, tial prizorgi ĝin estis proponite al la junulara redakcio de la eldonejo, kie laboras precipe gejunuloj.

— **Ĉu la sovetia Esperanto-movado influas la enhavon de la eldonotaj libroj en Esperanto?**

— Fakte, tiu ĉi Esperanto-faketo estas ankoraŭ tre juna, ĝi funkcias nur eble 3 monatojn. Ni esploradas la demandon por eldoni en Esperanto librojn, kiuj interesos kiel enlandajn, samtiel ankaŭ eksterlandajn esperantistojn. Por la sekva jaro ni plejparte planas denove eldoni tradukojn en Esperanton, ekz. la „Manifeston de la Komunista Partio", tradukitan de Detlev Blanke, la libron de John Reed „Dek tagoj, kiuj skuis la mondon", bildlibron pri la revolucio de 1917 kaj novelon pri la katastrofo en Ĉernobil. Post tio ni planas eldoni librojn pri historio de la sovetia Esperanto-movado, librojn pri V. Varankin, E. Drezen, pri interlingvistika temaro.

— **Kio estas la averaĝa eldonkvanto de viaj libroj? Ĉu vi povas tion diri?**

— Tiuj ĉi libroj estos eldonataj laŭ la anticipaj mendoj. Se mendoj estos sufiĉaj, do tiam ni povus diri, ke la eldonkvanto averaĝe eble estos ĉirkaŭ 5 000.

— **Vi parolis ĵus pri rakonto „Ĉernobil", do vi planas eldoni ankaŭ beletron.**

— La novelo „Ĉernobil" de Jurij Ŝĉerbak estas dokumenta rakonto, fakte beletra. Kaj ni dezirus certigi ĉiujaran eldonon de socipolitika kaj beletra almanako, kies grandan parton ni supozas okupi speciale per beletro. Tiel, por la unua eldono estas preparata novelo de Miĥail Bulgakov „Fatalaj ovoj" en traduko de Ljudmila Novikova.

— **Eble, en la fino vi diru, kiel oni povas akiri viajn librojn en eksterlando.**

— Nia eldonejo penas dissendi la informojn pri la libroj al ĉiuj eksterlandaj esperantistaj organizaĵoj. Oni povas mendi la librojn pere de la sovetia firmao „Meĵdunarodnaja kniga" („Internacia libro"), kies reprezentantoj estas en ĉiuj landoj. Sed tamen povas okazi malfacilaĵoj en la kontaktoj kun la firmao, tiam ni konsilas informi rekte la eldonejon laŭ la adreso: 17 Zubovskij bulvar, eldonejo „Progress". Moskvo 119847, USSR.

— **Do, koran dankon pro la intervjuo.**

**Intervjuis U. Becker**
**Minsk, 3. 4. 1989**

## „Impeto"

**Sovetia MEM-sekcio komencas eldoni en Esperanto la ĉiujaran almanakon „Impeto". La 1-a numero aperos en 1989 en la eldonejo „Progreso". En ĝi vi legos:**

- komentariojn pri elpaŝo de Miĥail Gorbaĉov en UN;
- verkon de Miĥail Bulgakov „Fatalaj ovoj";
- originalan poezion de sovetiaj esperantistoj;
- kronikon de Esperanto-vivo en USSR;
- stenografaĵon de nekonata elpaŝo de Baudouin de Courtenay pri problemoj de internacia lingvo, faritan en Petrogrado la 14-an de aprilo 1918;
- pri kontribuo de Konstantin Ciolkovskij por la evoluo de la Esperanto-movado en USSR;
- pri lokoj en Moskvo, ligitaj kun la historio de la Esperanto-movado;
- komentariojn de armeniaj esperantistoj pri la tertremo en Armenio;
- pri ekologiaj problemoj en USSR kaj en la mondo;
- politikajn portretojn de Stalin, Hruŝĉov, Breĵnev, fare de la sovetia historiisto Roj Medvedev;
- versaĵojn de A. Puŝkin;
- informon pri statistikaj faktoj de la Esperanto-movado en USSR;
- Esperanto-leksikonon, kies publikado estos daŭrigata en la sekvontaj almanakoj;
- adresojn de korespondderirantoj ...

La redakcio de la almanako „Paco" petas ĉiujn sovetiajn kaj eksterlandajn esperantistojn sendi la informojn pri nia movado laŭ la adreso: 119847 Moskva, Zubovskij bulvar 17, eldonejo „Progreso", ĉ. 405, Esperanto-fako.

## InterSEJT '89 ĉe Minsk

Lastatempe venis al ni multaj interesaj informoj pri la eventoj en Sovetunio. Pro tio mi tre ĝojis, kiam la Centra Estraro de GDREA invitis al iu junulara renkontiĝo kun sovetiaj esperantistoj ĉe Minsk. Kvankam nur malmultaj detaloj estis donitaj, mi aliĝis. Finfine eĉ klariĝis, per kiu trajno ni veturos kaj kiom ni pagu. Spite al la necertaĵoj la intereso estis eĉ pli granda ol la eblecoj.

La grupo el GDR renkontiĝis en Berlin kaj komune ekveturis. Tie jam ĉiĉerono atendis nin kaj per organizita aŭtobuso ni veturis al junulara hotelo. Tie oni bonvenigis nin per nacia ensemblo (imagu, estis antaŭ la sesa frumatene!).

Evidentiĝis, ke okazos „InterSEJT '89", do la 2-a Internacia Sovetia Esperantista Junulara „Tendaro". La InterSEJToj daŭrigas SEJTajn tradiciojn, pro tio ĝi havas kelkajn apartajn trajtojn. La unuan ni eksciis dum la solena malfermo. Reprezentantoj el la diversaj urboj kaj regionoj salutis la organizan komitaton kaj transdonis iun donacon. Tiu maniero, kompensi la penojn de la komitatanoj, iomete embarasis la eksterlandanojn, kiuj ne konis ĉi tiun certe bonan kutimon. Alia trajto estas, ke ne ekzistas ĉeftemo kaj oni atendas kontribuojn pri kiel eble plej diversaj temoj. Pro tio estis preparataj multaj prelegoj, ekzemple pri E-aranĝoj, pri Malavio, vortludoj en Esperanto, pri Bahaismo kaj Kvakerismo kaj pri militrifuzo en FRG. Bedaŭrinde la prelegantoj perdis multajn aŭskultantojn pro tio, ke neniu respondecis pri akurata realigo de komence disdonita programo. Tio estis des pli bedaŭrinda, ĉar tia iom fuŝa organizado tute ne estas tradicia SEJTa trajto.

Speciale interesa por ni eksterlandanoj estis diskutrondoj pri la nuntempa situacio de la E-movado en Sovetunio. Ni eksciis iom pri ekzistintaj, -antaj, -ontaj organizoj, movadoj kaj fondaĵoj, sed certe necesas aparta artikolo pri la rilatoj inter ekz. FEJA, SEJM-2, SEU kaj aliaj.

Unu el la plej grandaj surprizoj por ni certe estis la kulturaj aranĝoj. Ni konatiĝis kun multaj belaj kantoj, arte

altnivele prezentitaj. Interesa por ni estis la maniero „festi" la unuan de aprilo kaj per plezurigaj malseriozaj sportkonkursoj kaj per „freneza koncerto". Certe ĉiu partoprenanto memoros ĝin, speciale la lingve interesan poemon „Mi ne volas dormi!". Tradicie SEJTa estis la KGS, la „Klubo de Gajaj kaj Spritaj". Dum tio du teamoj konkurse plezurigas la publikon per pensigaj temoj, ekz. „Ĉu kakti aŭ ne kakti?" kaj similaj.

Sed nun pri la bonega etoso dum la tuta aranĝo. Ni tre ĝojis pri la sovetiaj esperantistoj, kiuj estis tre kontaktemaj kaj per sia alta lingvonivelo ebligis multajn interesajn interparolojn kaj tiel garantiis, ke neniu sentis sin sola. Do ni dankas al tiuj homoj, kiuj ebligis al ni la partoprenon en tiu vere partoprenindа aranĝo. Dum la adiaŭa tago ni ofte aŭdis „Revenu!" . . . Ni revenos!

**B. Kuse**

---

## Sovetia Uzbekio kun Esperanto-rubriko

Jen aperas en sovetia revuo esperantlingva resp. priesperante rubriko. En n-ro 4/88 ni povis noti la unuan fojon:

SOVIET UZBEKISTAN

**SOWJETISCHES USBEKISTAN**

**4/88 (306)**

Zeitschrift der Usbekischen Gesellschaft für Freundschaft und kulturelle Verbindungen mit dem Ausland

Erscheint seit 1962

**AUS DEM INHALT:**



**AUF DEM UMSCHLAG:**

Titelblatt. Die Perle Fergana

3. Seite. Usbekische Auswahlmannschaft im Synchronschwimmen

Anschrift der Redaktion: UdSSR, 700 000, Taschkent, Ul. Lenina, 41 Ruf der Redaktion: 33-11-67; 33-05-57; 22-58-40

Chefredakteur Kachchar RASCHIDOW

ESPERANTO

**WIRD ESPERANTO ZUR WELTSPRACHE?**

Diese Frage eindeutig zu beantworten, ist gar nicht so einfach. Schon heute sprechen aus verschiedenen Gründen eine bis 16 Millionen Menschen Esperanto.

Mehr als 70 Verlage in verschiedenen Ländern geben Literatur in Esperanto heraus: Lehrmaterialien, gesellschaftspolitische, wissenschaftliche und schöngeistige Literatur. In Esperanto erscheinen rund 120 Zeitschriften senden 12 Rundfunkstationen. Die Werke Dantes, Puschkins, Goethes, Shakespeares, Tolstois und vieler anderer Dichter wurden in Esperanto übertragen.

In der Sowjetunion bestehen mehr als 200 Esperantoklubs, zwei davon in Usbekistan. Der Verband der Sowjetischen Esperantisten wurde 1979 beim Verband der Sowjetischen Gesellschaften für Freundschaft und kulturelle Beziehungen mit dem Ausland gegründet. Seit Mitte der 60er Jahre funktioniert in Taschkent ein aktiver Esperantoklub mit Kursen zum Erlernen von Esperanto.

Für alle, die den Wunsch haben, Esperanto zu erlernen oder ihre Esperantokenntnisse vervollkommnen wollen, richten wir in unserer Zeitschrift eine Rubrik für Esperanto ein, die von dem Mitglied der Weltesperantistenvereinigung E. Perevertailo und der Journalistin F. Salimowa betreut wird.

**ESTIMATAJ LEGANTOJ!**

Materialojn por nia paĝo ni preparos, konsiderante viajn demandojn kaj dezirojn. Skribu al ni, kio nome pri Uzbekio, unu el la 15 uniaj respublikoj, konsistigantaj Sovetunion, kiu havas 19-milionan loĝantaron, vi deziras legi sur nia paĝo.

Eble vin interesas, kiel vivas en unu respubliko reprezentantoj de pli ol 100 nacioj de nia lando.

Eble vi ŝatus pli multe scii pri la ĉefurbo de Uzbekio — Taŝkento, la urbo kun pli ol 2000-jara historio, en kiu loĝas nun pli ol du milionoj da homoj.

Eble ni rakontu al vi pri la moderna aspekto de la antikvegaj urboj de Meza Azio Samarkando kaj Buĥara', pri kiuj multaj el vi scias el la historio. Eble male estas — ni vin konatigu pri la plej novaj urboj, aperintaj sur la mapo de Uzbekio nur antaŭ kelkaj jaroj.

Pri stato de la virino, en la nuntempa socio; evoluo de la industrio kaj agrikulturo, medicino, literaturo, arto; pri la problemoj de la mediprotektado, konservado de la popolaj tradicioj kaj monumentoj de la antikva arkitekturo.

Kiun el la famaj sciencistoj, verkistoj, aktoroj, sportistoj vi ŝatus vidi gasto de nia paĝo, kaj kiujn demandojn ni faru al ili de via nomo?

Do, ni senpacience kaj kun espero atendas viajn reehajn leteroj kun sugestoj kaj deziroj.

Konsiderante antaŭajn petojn de la legantoj studi la lingvon Esperanto, en la proksimaj numeroj de la revuo ni aperigos lecionojn por studadi tiun ĉi belegan lingvon.

Fotos dieser Nummer: I. Batyrbajew, A. Welibanow, T. Sultanowa, W. Kogat, W. Alexejew und der Usbekischen Nachrichtenagentur

## Esperanto-kurso en sovetia gazeto

Post la multlingva revuo „Sovetia Uzbekio", de januaro 1989 ankaŭ la revuo „Narodnoe Tvorĉestvo" („Popola Kreado") aperigas Esperanto-kurson por siaj legantoj. La revuo estas ruslingva kaj eldonata de sindikatoj kaj la Ministerio de Kulturo de USSR. Ĝi aperas ĉiumonate, kaj en ĉiu kajero disponigas almenaŭ unu paĝon al Esperanto. La kurso estas gvidata de Natalja Ŝoroĥova kaj Andrej Orlov, ambaŭ aktivuloj de FEJA (Fondaĵo de Esperantistaj Junularaj Aranĝoj).

## Esperanto-gazeto el Estonio

En januaro 1989 aperis la unuа numero de „Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio". Fakte ĝi ne estas la unua, sed la 223-a, ĉar ĝis aŭgusto 1940 aperis samtitola gazeto.
La unua kajero de la nova serio estas belaspekta, kvarpaĝa informilo, bone presita kaj kun pluraj ilustrajoj kaj fotoj. Ĝi entenas krom ĉefartikolo pri historio kaj planoj de la gazeto materialojn de la 73-a Universala Kongreso de Esperanto en Roterdamo, intervjuon kun malnova aktivulino de la estona Esperanto-movado, multajn informojn pri naciaj kaj internaciaj eventoj ligitaj al Esperanto kaj literaturan paĝon kun rakonteto kaj poemoj de estonaj verkistoj.
Kun scivolemo oni povas atendi la sekvajn numerojn.
Redaktoro estas **Ivar Piibur,** eldonanto Esperanto-Asocio de Estonio (200001 Tallinn, Narva mnt. 9-5, J. Ojalo).

## Litovio hodiaŭ 1988/1(30)

La Litova Societo de Amikeco kaj Kulturaj Rilatoj kun Eksterlandoj eldonis tiun ĉi revuon broŝurforme en Esperanta- rusa, angla, germana kaj franca lingvoj. La 18 kontribuajojn tradukis Esperanten el la litova lingvo Palmira Lukoŝeviĉius kaj Konstantinas Puodenas.
Ĉu vi scias, kiamaniere ĝirafoj vojaĝas el GDR al Kaunas, **kial bildoj ricevas legitimilojn** en la P. Gudynas centro de la restaŭrado-konservado de artaj valoraĵoj, kio impresis svisan sciencіston en la Scienca Esplorcentro de laseroj en la Vilniusa universitato, aŭ kiel funkcias la unuiĝo de tekstilfabrikoj Liteksas?
Legante la buntan mozaikon el kulturaj, teknikaj, ekonomiaj kaj aliaj temoj via scio pri la hodiaŭa Litovio same pliriĉiĝas kiel tiu pri ĝiaj pasinteco kaj perspektivoj.
Ĉu vin fascinas folkloro? Informiĝu pri la folklora festivalo „Baltica"! Se vi jam de-

longe deziris scii ĉion pri sukceno, legu la samtitolan artikolon! Filologie interesataj esperantistoj interkonatiĝi kun profesoro Vytautas Mažiulis kaj ties studoj. La konata litova profesoro estas akademiano kaj estro de la katedro pri baltlingva filologio de la Vilniusa universitato. Nature nek mankas ĉapitro el la historio nek pritrakto de aktualaj problemoj. Profesoro Kosas Naviskas priskribas la sorton de Soveta Litovio en 1918 — 1919. Ramojus Petrauskas prilumas atingajojn, taskojn, problemojn de nuntempa internacia agado de la Litova amikecsocieto. Ankaŭ raporto pri kolhozo meritas atenton. Aldonitaj malmultaj informoj pri Esperanto-agado en Litovio en 1987 kaŭzas scivolemon pri pluaj sciigoj. Ĝuinte la revuon eble vi elprovu litovan recepton — ĉu kuketo kun fungoj?

**Fritz-J. Wollenberg**

## Estona Radio elsendas en la internacia lingvo Esperanto

Estona Radio, Tallinn, elsendas en ĉiu unua kaj tria semajno de monato:

jaŭde je la
21.25 laŭ Mez-Eŭropa Tempo
23.15 laŭ Orienta-Eŭropa Tempo
00.25 laŭ Moskva Tempo
(estas jam vendredo!)

Ondolongoj — 290 m — 1035 kHz
50,6 m — 5925 kHz

Ripetoj sekvontdimanĉe je la
9.20 laŭ Universala Tempo
10.20 laŭ Mez-Eŭropa Tempo
11.20 laŭ Orienta-Eŭropa Tempo
12.20 laŭ Moskva Tempo

Ekde aprilo ĝis oktobro en Estonio validas somera tempo, kiu kvarhore diferencas de Universala Tempo.
Enhavo de la elsendoj:
Esperantomovado en Estonio — agado de Esperantokluboj kaj — rondoj, lernado kaj instruado de la Internacia Lingvo, intervjuoj kun gastoj de Estonio, komentoj kaj respondoj ktp.
Estona Radio atendas viajn leterojn kun reeĥoj, demandoj kaj proponoj laŭ la adreso: SU — 200100, Tallinn, Estona Radio, Esperanto

## 240 sekundoj en Esperanto el Litovio

Radio Vilnius havas aŭskultantojn proksimume en 50 landoj. Verŝajne, ili estos ankoraŭ pli multaj, kiam ekde printempo 1989 dufoje ĉiusemajne el Vilnius eksonos etera voĉo en Esperanto. Lunde la disaŭdigojn laŭ kurtaj ondoj eblas aŭskulti praktike en la tuta mondo. Jaŭde la samo estos ripetata en pli oportuna tempo por aŭskultantoj, en Eŭropo-tempo:
Lunde je la 22.00 — 22.30 GMT(UTC) laŭ Universala (Grenviĉa Meza) tempo.
Ondolongoj 31, 19, 16 m.; 9765, 9860, 15455, 15240, 17665 kHz.
Jaŭde je la 21.30 – 22.00 GMT(UTC) laŭ Universala (Grenviĉa Meza) tempo.
Ondolongoj 451, 49 m.; 666, 6100 kHz.
Kvar minutoj en Esperanto estos elsendataj enkadre de anglalingva duonhora disaŭdigo. Vi aŭdos pri aktualajoj en Litovio — kultura, socia, politika vivo. En ĉiu disaŭdigo estos minimume unu sciigo pri Esperanto-movado en Litovio. Ni respondos viajn demandojn. La enhavo de elsendoj plene dependas de aŭskultantoj, tial bonvolu skribi al Radio Vilnius, sugesti temojn, fari demandojn, proponojn, reeĥi al nia voĉo. Nin interesas informoj pri aŭdebleco, ĝis kvalito. Ĉiu via letero estos plej serioze traktata. La plej fervoraj aŭskultantoj ricevos libropremiojn. La disaŭdigojn en Esperanto prizorgas Litova Esperanto-Asocio.
Se la elsendoj estos popularaj, estonte eblos plilongigi ilian daŭron.
Skribu laŭ la adreso: 232674 Vilnius, Radio, Esperanto, Litova SSR, Soveta Unio. La unua elsendo „240 sekundoj en Esperanto el Litovio" okazos la 3-an de Aprilo, 1989. Agrablan aŭskultadon!

**Litova Esperanto-Asocio**
**Administracio de Radio Vilnius**

## RADIO POLONIA DISAŬDIGAS ĈIUTAGE SES ELSENDOJN EN LA LINGVO ESPERANTO!

1989 — 1990
RADIO POLONIA disaŭdigas siajn esperantlingvajn elsendojn jam de pli ol 30 jaroj; la 4-an de aprilo 1989 oni festis la 30-jariĝon de la agado.
En niaj disaŭdigoj apud novajoj, komentarioj pri polaj kaj internaciaj temoj, oni parolas pri soci-ekonomiaj, scienc-teknikaj, kulturaj, junularaj, sindikataj, turismaj, sportaj kaj muzikaj temoj, kaj ankaŭ tre vaste pri la E-movado en Pollando kaj en la mondo.

### LA HOROJ KAJ ONDOLONGOJ

**05.00 — 05.30**
31,50; 41,27; 48,90; 50,04; 200 m
(9525, 7270, 6135, 5995, 1503 kHz)
**11.00 — 11.25**
31,50; 41,99; 50,04; 200 m
(9525, 7145, 5995, 1503 kHz)
**15.30 — 15.55**
41,18; 49,32 m (7285, 6095 kHz)
**17.30 — 18.00**
31,45; 42,11; 49,22 m (9540, 7125, 6095 kHz)
**20.30 — 21.00**
31,50; 41,99; 42,11 m (9525, 7145, 7125 kHz)
**21.30 — 21.55**
41,18; 49,22; 50,04; 200 m
(7285, 6095, 5995, 1503 kHz)

(La horoj estas indikitaj laŭ la universala tempo — GMT, al kiu — en la landoj de la mezeŭropa tempo — vintre oni aldonas unu horon, somere — du horojn.)

### LA KONSTANTAJ PROGRAMEROJ

(R = reaŭdigo, ripeto de la pli frue prezentita programero)

**Ĉiutage (escepte de dimanĉoj kaj festotagoj):**
novajoj — 11.00, 15.30, 17.30 (sabate: 11.00, 17.30)
revuo de la varsovia gazetaro – 11.00, 15.30 (sabate nur je la 11.00 h.)

### LUNDE

05.00 — Jen Pollando (R); literatura elsendajo (R)

11.00 — Esperanto-temoj
15.30 — Kultur-magazino (R)
17.30 — Koncerto kun bondeziroj
20.30 — Polaj aŭ E-temoj
21.30 — Koncerto kun bondeziroj (R)

**MARDE**

05.00 — Homoj kaj problemoj (R)
11.00 — Polaj aŭ E-temoj (R)
15.30 — Koncerto kun bondeziroj (R)
17.30 — Polaj aŭ E-temoj
20.30 — Koncerto kun bondeziroj (R)
21.30 — Revuo de la E-gazetaro

**MERKREDE**

05.00 — Revuo de la E-gazetaro (R)
11.00 — Homoj kaj problemoj (R)
15.30 — Revuo de la E-gazetaro (R)
17.30 — Pollando hodiaŭ (magazino pri familiaj temoj)
20.30 — Scienc-teknika rubriko; Muzik-magazino
21.30 — Pollando hodiaŭ (R)

**JAŬDE**

05.00 — Pollando hodiaŭ (R)
11.00 — Pollando hodiaŭ (R)
15.30 — Polaj aŭ E-temoj
17.30 — Muzik-magazino (R)
20.30 — Pollando hodiaŭ (R)
21.30 — Literatura elsendaĵo

**VENDREDE**

05.00 — Muzik-magazino (R)
11.00 — Muzik-magazino (R)
15.00 — Leterkesto
17.30 — Kultur-magazino
20.30 — Revuo de la E-gazetaro (R)
21.30 — Homoj kaj problemoj (intervjuoj, sonraportoj, diskutoj, opini-esprimoj pri E-temoj)

**SABATE**

05.00 — Esperanto-ekspreso (primovada magazino)
11.00 — Leterkesto (R)
15.30 — Panorama de internaciaj eventoj; „Homoj kaj problemoj" (R)
17.30 — Esperanto-ekspreso (R)
20.30 — Panorama de internaciaj eventoj (R); Esperanto-ekspreso (R)
21.30 — La semajno en Pollando; Leterkesto (R)

**DIMANĈE**

05.00 — La semajno en Pollando (R); Scienc-teknika rubriko (R); Leterkesto
11.00 — Literatura elsendaĵo (R)
15.30 — Jen Pollando (rubriko por komencantoj: malrapida legado, facila lingvaĵo, baza vort-provizo)
17.30 — Literatura elsendaĵo (R)
20.30 — La semajno en Pollando (R); Kultur-magazino (R)
21.30 — Jen Pollando (R); Esperanto-ekspreso (R)

ATENTON! Ni rezervas al ni la rajton ŝanĝi la programon.

**Memoru, ke bonkvalita radioricevilo ebligas pli bonan akceptadon de mallongondaj elsendoj!**

**ĈU VI ESTAS PRETA HELPI NIAN LABORON?**

Se jes, ni ĝojos pro via kontribuo al la popularigo de niaj E-elsendoj en via E-klubo, E-kurso, inter viaj leter- amikoj ktp. Ni volonte sendos al vi tiucele kroman kvanton da programinformiloj. Nia adreso: **RADIO POLONIA, Esperanto-Redakcio, 00-950 Varsovio, Box-46, Pollando.**

La leteroj kaj raportoj (recenzoj), kiujn vi sendas al ni, estas por ni tre gravaj kaj ege helpas nin en nia laboro. Por la raportado pri la elsendoj vi povas uzi niajn raportilojn (ni volonte disdonigos al vi la bezonatan kvanton) aŭ vi mem povas fari ilin laŭ nia modelo. Pro la ĉiam pli altaj afrankokostoj vi povas sendi multajn raportilojn kune en unu koverto. La korespondaĵojn ni pritraktas kaj respondas en niaj leterkestoj kaj kelkfoje en aliaj programeroj. Inter la aŭtoroj de ĉiuj korespondaĵoj (raportoj) ni ĉiumonate lotumas objektajn premiojn. Kromajn premiojn ni atribuas al aŭtoroj de la plej interesaj recenzoj (temas pri la pritakso de tiu aŭ tiu programero laŭplaĉe elektita de la aŭskultanto mem) kaj al la plej aktivaj aŭskultantoj (kiuj en la koncerna monato sendis al ni plurajn raportilojn) kaj popularigantoj (kiuj ekz. skribis pri ni artikolon aŭ informon en E-gazeto aŭ faris prelegon en E-klubo).

Ni ĝojos, se skribante al ni leterojn vi tre klare surpaperigos vian adreson (por eviti revenon de korespondaĵo pro la misadresita koverto).

Finante ni petas organizantojn de E-aranĝoj liveri al ni inform-materialon pri ili (antaŭ kaj post la okazaĵo) por eventuala prezento en niaj elsendoj. La sama peto rilatas al la liverado de E-revuoj, klubaj informiloj (eĉ nacilingvaj), E-libroj kaj aliaj E-eldonaĵoj, pri kiuj ni volus raporti al la aŭskultantoj.

En nia nuna horaro ni havas novan elsendon je la 20.30 h. ni tre scivolas pri ĝia aŭdeblo en via lando.

Kun la espero pri regulaj kontaktoj — salutis vin

**LA ESPERANTO-REDAKCIO
DE RADIO POLONIA**

## Für unser Archiv!

**Sollten Sie Bekannte kennen, die bereit sind, Esperanto-Materialien dem Esperanto-Verband zur Verfügung zu stellen, bitten wir um Information. Manches wertvolle Material wandert zur SERO-Aufkaufstelle. Helfen Sie, die Vernichung wertvollen Materials zu verhindern! Informieren Sie den Zentralvorstand! Wir sind bereit, Nachlässe, Büchersammlungen, Dokumente u. ä. aufzukaufen. Schreiben Sie an uns: Esperanto-Verband im Kulturbund der DDR, Otto-Nuschke-Str. 1, Berlin 1080.**

## Internacia Junulara Seminario por aktivuloj

Junulara Komisiono de GDREA okazigis de la 30. 3. — 4. 4. 89 en Bad Saarow internacian Junularan Seminarion por aktivuloj el socialismaj landoj. Partoprenis 34 junuloj el 5 socialismaj landoj (7 junularaj sekcioj): BEJ, ĈEJ, SEJ, GDREJ, HEJ, PEJ, PSEK. Bedaŭrinde el Sovetunio neniu partoprenis, ĉar samtempe okazis „SEJT" en Minsk.

Post la prezentado de la respektivaj junularaj sekcioj dum la unua tago estis traktata vasta problemkampo de kunlaboro inter junularaj sekcioj, ekz. pri kunordigo de junularaj aranĝoj, turismo, junularaj gazetoj, Esperanto-Centro en Bialystok, TEJO-BEJ-seminario en Pisanica, TEJO-PSEK-seminario k. a. strategiaj aranĝoj. Tage kaj ankaŭ vespere (parte en laborgrupoj) eĉ niaj novuloj diskutis pri tiuj kaj similaj temoj. Ne mankis freŝaj ideoj. Kompetentuloj prelegis pri publika agado (P. Bartos), sciencteknika apliko de Esperanto (M. Behr), strukturo de la aktuala internacia Esperanto-movado: stato kaj problemoj (d-ro D. Blanke), ĉefaj karakterizaĵoj kaj specifaĵoj de la Esperanto-movado en socialismaj landoj (d-ro Blanke), DLT-projekto (B. Schumann). Multe diskutataj estis temoj kiel „TEJO hodiaŭ kaj la partopreno de la JS de la socialismaj landoj" kaj „Rolo de Esperanto por moderna pasigo de libera tempo". Ankaŭ ne mankis prelego pri Zamenhof (F. Wollenberg) kaj pri poezio (M. Arnold). Montriĝis dum oratora konkurso eĉ kelkaj talentuloj. Malgraŭ la manko de la „unua vico" de aktivuloj el socialismaj landoj oni povas diri, ke nia 6-taga aranĝo plensukcesis — dankon al la kunlaboro de Junulara Komisiono, al la CO de GDREA kaj kompreneble al la partoprenintoj. Bone estus, se la rezultoj ne nur atingus la skribotablojn de iuj burokratoj sed ankaŭ la kapojn de aliaj aktivuloj.

**Sylvia Lassika**

## Esperanto-Konferenco '88 en Havano

Ni ricevis telekse la unuajn informojn pri la Internacia Konferenco Esperanto '88 okazinta en Havano (Kubo) de la 30a de novembro ĝis la 2a de decembro 1988. Ĝin partoprenis la reprezentantoj de la landaj asocioj en Brazilo, Kolombio, Meksikio kaj Kubo, kaj la unuan fojon kunsidis por interŝanĝi spertojn kaj interkonatiĝi, kio ebligis starigi komunan laborplanon por disvolvi la movadon en tiu regiono. Partoprenis ankaŭ s-ino Ursula Grattapaglia, kunordiganto de la regiona agado por Ameriko. Ĉeestis esperantistoj eĉ el Koreio, Norvegio, Francio, Hungario kaj Pollando. La pola aktoro Kazimierz Mazur prezentis la faman teatraĵon La Neĝa Blovado, kiun la partoprenantoj akceptis agrable. La kunsidoj funkciis laŭ la jenaj temoj: instruado, informado kaj Esperanto-kulturo. S-ro Milojeviĉ, ĝenerala direktoro de UEA, partoprenis la eventon kaj prelegis pri la strategia plano de UEA. Dum lia vizito komenciĝis la laboroj cele al la Universala Kongreso en 1990.

La teleksan informon sendis:

**Maritza Gutierrez**

## TEJO en internacia Konferenco en Berlin

La 23-an — 27-an de novembro 1988 en la Berlina Kongreshalo okazis la „3-a Internacia Preparkomitata Konferenco por la 13-a Mondfestivalo de la Junularo kaj Studentaro". Inter la 138 partoprenantaj junularoj organizoj ankaŭ estis TEJO. Entute la partoprenantoj konsistis el plimulto da naciaj preparkomitatoj de ĉiuj kontinentoj kaj aro da internaciaj organizoj kiel ekz. TEJO. Por mi kiel reprezentanto de TEJO estis frapa la enormaj tradukkostoj. Kongresaj lingvoj estis la franca, germana, rusa, angla, hispana kaj araba. Ĉiuj oratoroj dum la longhoraj kunsidoj estis tradukitaj rekte en la respektivajn aliajn kvin lingvojn. Okazis krome kelkaj aldonaj malfacilaĵoj, ke delegitoj ne estis preparintaj sian prelegon en unu el la ses lingvoj, ke sesioj malfruiĝis je kelkaj horoj, kio estis ekstrema streĉigo por la tradukistoj.

Krom tiuj randaj fenomenoj evidentiĝis la centra temo: La strategia diskutado pri la estonto kaj celo de la Festivala movado ĝenerale kaj la emfazado de ĝia graveco flanke de la plejmulto de la partoprenantoj. TEJO volas partopreni la Festivalon kiel kunorganizanto de la centro „Informado kaj lingva Komunikado". La precizaj organizaferoj decidiĝos dum la lasta preparkonferenco en Pjongjango. Kiel fina dokumento de la 3-a IPK-Konferenco estas ellaborita fina dokumento, kiun post longaj debatoj akceptis ĉiuj partoprenantoj unuanime.

**T. Bendias**

## FRANCA-GERMANA PACMARŜO DUM PASKO

Strasburgo, la 26an de marto 1989

Organizita de la franca pacmovado kaj de la pacistoj de Okcidenta Germanio, tiu pacmarŝo estis komuna protesto de ambaŭ landpacistoj rifuzantaj modernigon de la franca nuklea armilaro kaj instaladon sub kontrolo de NATO, de novaj misiloj de mezdistanco, aparte pripensitaj de la franca registaro (misilo HADES). La germanoj protestis ankaŭ por ĉesigo de flugadoj je malalta altitudo de usonaj kaj FRG-aj militaviadiloj. La francoj postulis redukton de la armilaraj elspezoj (400 miliardoj da francaj frankoj dum la 5 venontaj jaroj).

6 000 partoprenantoj el ambaŭ landoj renkontiĝis sur la ponto de Eŭropo kiu kunligas Strasburgon (Francio) kaj Kehl (FRG). Dum tiu renkontiĝo estis legitaj apeloj por paca Eŭropo de Atlantiko ĝis Uralo.

Poste, la manifestantoj defilis ĝis la katedralaplaco de Strasburgo.

Kultura programo okazis post kelkaj paroladoj de francaj kaj germanaj rimarkinduloj.

Je la 17a horo, okazis ellaso de bluaj balonoj kun paca emblemo.

El Francio partoprenis en tiu pacmarŝo la packomitatoj de la regionoj Alsacio, Loreno, Franĉkonteo, Ardenoj, Ĉampanio, nordaj departementoj, Burgonio kaj pariza regiono.
El Parizo speciala trajno alveturigis al Strasburgo ĉirkaŭ 1 000 personojn.

Ankaŭ esperantistoj individue partoprenis en tiu pacmarŝo.

La franca pacmovado programis alian demonstracion la 23an de aprilo 1989 sur la loko de Albion-plataĵo (Sud-Francio) kie staras la nukleaj raketoj. Ankaŭ sendo de pacista delegacio al MURUROA (Pacifiko) estas preparata por protesti kontraŭ la nukleaj provoj faritaj de Francio kaj por postuli la ĉesigon de tiuj provoj.

**M. A. kaj G. Gerrier**
**partoprenintoj**

### Reago de la franca registaro

Jam la trian fojon post la leĝoproponoj en 1975 kaj 1979, en la Franca Nacia Asembleo estas pritraktita la ebla enkonduko de Esperanto kiel elektebla fremdlingvo en la oficialan lernejan klerigan planon de Francio. En decembro 1988 la ministro por nacia edukado rifuzis la akcepton de la propono ĉefe pro tri kaŭzoj: ĉar la instruado de Esperanto ne havus efikon en la komerca kaj kultura vivo, ĉar prioritaton havus la lingvoj de la unuiĝonta en 1992 okcidenta Eŭropo, kaj „pro manko de literatura, historia aŭ geografia bazo" de Esperanto.

**Laŭ „Le travailleur espérantiste" 137/1989**

## „Amikoj de Esperanto"

Originala ideo ekkaptis la Distriktan Estraron de GDREA en Dresden: fondi „Klubon de Amikoj de Esperanto" en la Teknika Universitato. Pro la celkonscia agado de GDREA inter sciencistoj Esperaanto estas de multaj taksata tute pozitive aŭ almenaŭ kun simpatio. Kaj tamen, po profesiaj ŝarĝoj tiuj simpatiantoj ne povos lerni la lingvon aŭ almenaŭ ankoraŭ ne pretas fari tion. Tamen, ili havas la emon kaj la eblon disvastigi objektivajn informojn pri la lingvo kaj interesigi aliajn sciencistojn. La prezidanto de la „Klubo" estas profesoro Ludwig, matematikisto .La sciencaj aranĝoj okazas en la klubejo de la profesoroj, tre taŭga domo kun klubĉambroj, restoracieto kaj aliaj ejoj. La esperantistoj havas apartan ejon por sia biblioteko.
La 24-an de aprilo 1989 okazis la unua aranĝo de la „Klubo", kiun partoprenis pli ol 30 interesitoj. D-ro D. Blanke prelegis pri „Esperanto en la dua jarcento". Dum junio prelegos d-ro Helmut Tautz, Sekretario de la Nacia Komitato por la Jardeko de Kultura Evoluo kaj membro de la prezidio de la UNESKO-Komisiono de GDR. Pri lingvistikaj problemoj dum septembro prelegos d-ro Ronald Lötzsch (Centra Instituto pri Lingvistiko de la Akademio de Sciencoj de GDR). Kaj fine de 1989 oni havos prelegon pri DLT (Distribuita Lingvo-Tradukado, kp. „de" 1/88).
Estus tre bone, se similaj kluboj ekaperus ankaŭ en aliaj altlernejoj de GDR.

## Respondo al la recenzo de D-rino Sabine Fiedler:

Mi skribis la originalan tekston „Jenny Marx" jam en la jaro 1972 por la Esperanto-legantaro, nome sen ĉiuj kripligoj de la propraj nomofinaĵoj. La originala teksto, de Rudi Graetz laŭde agnoskita, estis presita en „Paco", GDR-eldono 4 en 1972, per iniciato de kaj danke al D-ro Detlev Blanke. Poste kreskis mia deziro, ke mia „Jenny Marx" libre aperu por daŭra legantaro (ĉiam mankas legolibroj). Finfine je mia ĝojo la Esperanto-eldonisto Behrmann/ Paderborn legis mian originalon kaj estis preta, libre eldoni ĝin. Kiam li letere marĝene aludis, ke kelkaj personaj nomoj havu la Esperanto-finaĵojn, mi ne divenis la teruran konsekvencon. Mi ja nur estis feliĉa pro la libro-eldono. Mi ankaŭ ne povis legi la presendan manuskripton. — Laste nur vorto pri la „nekutima vort-farado". En ĉiu lingvo la aŭtoro pretendas la rajton, krei esprimojn, la plej verkotaŭgajn, mi opinias. Esperanto eĉ instigas ĝin. — Cetere mia opinio pri la propraj nomoj estas samkiel la via; la nomoj devas konservi sian proprecon. Eble „Jenny Marx" estas impulso, decidi la problemon.

**Erika Kopietz**

### Vortaron

germanan-Esperantan de Paul Bennemann serĉas Magnus Weisflog, Schnitzerweg 7, Scheibenberg, 9315.

## Profesoro Ignat Florian Bociort — 65jara

La konata rumana sciencisto kaj interlingvisto prof. d-ro Ignat Florian Bociort el Timisuara fariĝos 65-jara la 13-an de oktobro 1989. Prof. Bociort ne nur estas renoma rumana fakulo pri kulturteorio kaj fekunda scienca verkanto ĉi-kampe, sed dum la 80-aj jaroj donis al la rumana Esperanto-movado seriozan science bazitan fundamenton por altnivela agado. Per multaj prelegoj antaŭ rumanaj intelektuloj, per instruado antaŭ studentoj, verkado kaj redaktado de Esperanto-materialoj kaj multege da organiza laboro li eniris en la historion de la rumana Esperanto-movado. Ke liaj aktivecoj — provizore — ne efikas tiom kiom oni devus esperi, ne estas lia kulpo. Sendube ĉio de li iniciatita kaj pretigita havos siajn pozitivajn sekvojn. Prof. Bociort estas aparte forte kore ligita al GDR kaj havas en nia lando multajn sincerajn amikojn, ankaŭ inter la membroj de GDREA, kiuj sincere gratulas al la jubileulo.

### Ni kore gratulas al

- Elise Hempel el Karl-Marx-Stadt, tre aktiva membro de la distrikta estraro, kiu festis sian 60-an naskiĝtagon la 3-an de februaro 1989.
- Gerhard Hornbogen el Weimar, kiu fariĝis 65-jara la 25-an de februaro 1989,
- Ernst Diedrich el Warin, kiu festis sian 80-an naskiĝtagon la 30-an de marto 1989.
- Rolf Beau el Leipzig, membro de la CE de GDREA, kiu fariĝis 50-jara la 13-an de majo 1989.

### Ni funebas pro la forpaso de

- Otto Leichert, veterano de la laborista Esperanto-movado el Radebeul, la 7-an de aprilo 1989, en aĝo de 89 jaroj.
- Horst Bräuer el Aue, dum decembro 1988.

### Prospekto pri Karl-Marx-Stadt

Bela multkolora faldprospekto pri Karl-Marx-Stadt kun germanaj, anglaj kaj franclingvaj klarigoj estas ricevebla ankaŭ kun enmetebla presita esperantlingva aldono. La prospekto enhavas mapon pri la centro. Mendu ĝin ĉe Karl-Marx-Stadt-Information, Straße der Nationen 3, Postfach 440, Karl-Marx-Stadt, DDR — 9010.

### Esperantista Ŝakturniro

La 18-an kaj 19-an de februaro 1989 okazis malgranda,sed altnivela esperantista ŝakturniro en la ĉambroj de la Berlina sportklubo BSG Rotation. Partoprenis 12 ŝakamantoj, inter ili unu el Prago. La plej bonaj estis M. Hahlbohm, M. Schulz (ambaŭ el Berlin) kaj W. Woll (Stralsund). Informojn pri la sekva, internacia turniro donas: Hans Schilling, Amtsstr. 10, Berlin, 1170, GDR.

## KORESPONDDEZIROJ 31 6 35

### Soveta Unio

Christian Günter (Berlin) skribu al Anja Belousová, **Moskva, 115470,** Klenovy bulvar 4-186. Mi ne scias vian adreson.

Mikaelo Saakjanc, **229700 Liepaja,** str. Pasta 12-23, Latvio, 26., dez. kor. tutmonde pri muziko, kulturo, vivmanieroj, psikologio, lingvoj, vojaĝoj; kol. bk de urboj.

13j. komencantino dez. kor. p. ĉ. t.: Heinrika Marcinkenaite, str. Paberžes 30-21, **232010 Vilnius,** Litovio.

Aleksandr Masjukas, **183038 Murmansk,** pr. Lenina 101-26, 60j., dez. kor. kun muzikŝatantaj homoj.

10j. knabo dez. kor. tutmonde pri filatelio, naturo; kol. etikedojn: Grumadas Mindangas, **234318 Kaunas,** Tirkiliškes, Mimozas-15, Lietuva.

17j. lernantino dez. kor. tutmonde pri geografio, biologio, turismo: Aŭŝra Skrudupaite, Ateities 10-27, **235309 Panevejis,** Litovio.

30j. komencantino dez. kor. tutmonde pri turismo, filatelio, arto: Grumadiené Dalia, **233000 Kaunas,** Vilniaus 41-4, Lietuva.

27j. komencantino dez. kor. tutmonde pri popolarto, manlaboroj turismo; kol. bk, suvenierojn: Laima Alŝauskiené, Kosmonautu 20-19, **235000 Jonava,** Litovio.

29j. inĝenierino dez. kor. tutmonde pri popolkutimoj, popolkostumoj; kol. kalendaretojn: Dalia Draugeliene, Partizany 88-18, **233041 Kaunas,** Litovio.

Audra Rukŝeniene, Černiahovskio 137/403, **Kaunas,** Litovio, 25j. dez. kor. tutmonde pri turismo, psikologio, naturo.

Rudyte Rúta, Taikos Pr. 37/60, **Kaunas,** Litovio, 19j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.; kol. bk.

Uilma Bukauskaite, Karlo Markso str. 226/34, **Kaunas,** Litovio, 21j., dez. kor. tutmonde pri belarto, naturo, turismo, E-movado; kol. bk, esperantaĵojn.

14j. lernantino dez. kor. k. kol. pm, bk, kalendaretojn, glumarkojn: Česé Butrimavičiúte, str. Gelvonu 3-47, **232010 Vilnius.**

14j. komencanto dez. kor. tutmonde kun gejunuloj pri sporto, logikaj ludoj; kol. esperantaĵojn: Andreo Hajunov, **343100 Donecka prov. urbo Krasnoarmejsk,** str. Tolstogo 45.

13j. lernantino dez. kor. k. kol. pm, bk, glumarkojn, kalendaretojn: Laura Vegyté, str. Gelvonu 51-5, **232010 Vilnius.**

18j. komencantinoj: Indré Kupryté, Taikos 9-34, **235250 Pasvalys,** kaj Inga Cimermanaite, Taikos 9-31, **235250 Pasvalys,** dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

10j. lernantino dez. kor. k. kol. pm, bk, glumarkojn, kalendaretojn: Daiva Vegyté, str. Gelvonu 51-5,**232010 Vilnius.**

Womeda Vilkelyté, **235000 Jonava,** Chemiku 35-6, 17j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

Denis kaj Volodja Polanski, **454092 Čelabinsk,** ul. Kuzĉatova 8-60, (14/19j.) dez. kor. tutmonde pri interlingvistiko, historio, politiko, fotografado, moderna muziko; kol. pm, esperantaĵojn.

22-jara studentino deziras korespondi tm pri diversaj temoj, Jeŝejeva Sojelma, **670034 Ulan-Ude,** str. Čertenkova, 2-63.

Valentina Zaĥarova, **169706 Usinsk,** Komi ASSR, pk. 55, pri arto, instruado de Esperanto k.s.

13j. lernantino, komencantino, dez. kor. p. ĉ. t.: Jolanta Kulbyté, str. Gelvonu 50-14, **232010 Vilnius.**

Herausgeber: Kulturbund der DDR
Redaktion: Otto-Nuschke-Str. 1, Berlin, 1080
Fernruf: 2 82 63 43
Verantw. Redakteur: Dr.sc. Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Joachim Schulze. — Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. —
Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckerei Aue, Aue, 9400
Artikel-Nr. (EDV) 7928 3 2 16